# LITERATURA MONDO

Ĉefredaktoro: K. Kalocsay

Literatura, arta ilustrita revuo

Dua periodo — Tria jaro

Senpaga kvaronjara aldono:

**Bibliografia Gazeto**

En duona formato 16—20 paĝa




Oktobro 1933

10-a numero

**Redakcio kaj administracio: Budapest, IX., Mester-utca 53, V. 7. Telefono, 380—84.**

**Abonprezo por jaro: 9·–, duonjaro: 5·—, unu ekz.: 1·— svisaj frankoj, specimeno: 1 resp. kupono**

Responda redaktoro: ***Karlo Bodó***

Redaktoroj: ***Francisko Szilágyi kaj Ludoviko Totsche***

**ĈEFKUNLABORANTOJ:** J. D. Applebaum (Liverpool), A. Behrendt (Berlin), P. Bennemann, (Leipzig), J. Berger (Köln), S. Bartha (Budapest), J. Grau Casas (Mediona), Helmi kaj Hilda Dresen (Tallinn), Stellan Engholm (Nyberget), Jean Forge (Bydgoszcz), S. Grenkamp Kornfeld (Paris), L. Halka (Budapest), N Hovorka (Wien), R. Hromada (Praha), W. B Johnson (Birmingham), Teo Jung (Köln), I. Yurista (Czesztohowa), F. Karinthy (Budapest), E. Knutsson (Malmő), I. Lejzerowicz (Lodz), W. Lippmann (Leipzig), Miloŝ Lukáŝ (Trnava), A. Mazzolini (Fano), T. Morariu (Cluj), L. N. Newell (Kairo), P. Nylén (Stockholm), Jan van Schoor (Antwerpen), E C Stillmann (U S A ), K.R.C. Sturmer (London), R. Schwartz (Paris), J Ŝimomura (Tokio), L. E Thomson (Pymble, Aŭstralio), G. Waringhien (Lille), Leono Zamenhof, Feliks Zamenhof kaj Lidja Zamenhof, E. Wiesenfeld (en Warszawa) kaj aliaj.

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

# Viva voĉo kaj malviva vorto

## en antikva kaj moderna mondoj

– Kazimierz Morawski –

Se de la hodiaŭaj socio kaj ŝtato, en kiuj la skribado ludas tiel grandegan rolon, en kiuj la plumo deziras direktadi l' agojn kaj ekokupi preskaŭ la postenon de ĉefa risorto en la regado kaj administrado, ni transportos nin enpense en la malproksimiĝintajn jarcentojn, en la regionojn de antikvaj ŝtatoj, frapas nin la esenca tiurilata diferenco de ilia strukturo, ni konvinkiĝas decide, ke ĉi tiu superregado de l' plumo estas akiraĵo de novaj tempoj, ke en la antikveco superregis la viva vorto en multaj sferoj, el kiuj ĝin hodiaŭ forpuŝis la malviva litero. La nuntempa homo ne povas al si prezenti la ŝtatan maŝinon sen milo da oficejoj kaj sidantaj en ili skribistetoj; dum Sparto havis nek kancelariojn, nek ŝtatan skribiston por sia dispono. En la nuntempa ŝtato ĉiutage kolektiĝas etaĝe ĉiam pli altaj amasoj da dokumentoj, arkivoj, enhavantaj ofte malvivajn kaj nevivipovajn skribaĵojn servantajn al la senpensaj posteluoj de iliaj aŭtoroj kiel inspirilo por same senpensaj produktaĵoj. Dume, en la antikveco la homa memoro anstataŭis ofte arkivojn; en diversaj ŝtatoj ni renkontas oficistojn havantajn la titolon *mnemones*, kiuj fiksis en sia memoro kaj tradiciis al posteuloj la intertraktojn kaj leĝojn de l' pasinteco. Kion hodiaŭ la muta skribaĵo disportas tra l' oficejoj de l' tuta lando, tio sonoradis en l' antikva ŝtato per la voĉo de heroldoj proklamantaj sur placoj, stratoj kaj eĉ vilaĝaj anguloj la volon de l' estraro kaj ĝiajn ordonojn. La signifo kaj supereco de l' viva voĉo montriĝis ankaŭ en tio, ke de politikuloj oni postulis unuavice l' elokventecon kaj la homojn estrantajn en la ŝtato oni nomis rekte retoroj, oratoroj. Oratoroj tiel en Atenoj kiel en Romo atingis superajn postenojn kaj homoj ne dotitaj per elokventeco estis kondamnitaj je pasiveco aŭ sensignifa agado. La viva voĉo estis fine en la antikveco la ĉefa rimedo por disvastigado kaj reciproka komunikigado de kurantaj informetoj. Ĉe ni prizorgas tion precipe la presaĵo kaj senbridiĝinta gazetaro, kies potencan superregadon ne konis la tempoj antikvaj. Tial havis famoj, sciigoj tiel grandan signifon ĉe la klasikaj popoloj, ke potencon ilian oni enkorpigis eĉ en apartajn diaĵojn: *Ossa* aperas ĉe Homeros, *Feme* ĉe Hezjodos *Fama* kun diaj atributoj ĉe l' Romanoj. Informo buŝa ĉirkaŭkuradis urbojn kaj vilaĝojn kaj ĉiam pli disvolviĝante vestis sin per ĉiam pli novaj trajtoj kaj ofte imagitaj detaloj. Oni alportis ilin al societaj kunvenoj kaj festenoj, kiuj pri tio havis pli gravan signifon ol hodiaŭ. Ili estis unu el ĉefaj aperaĵoj de l' vivo kaj kunvivo kaj tial Romanoj nomis ilin *convivia*, atribuante al ili preskaŭ socian signifon. La viva voĉo plenumis en ĉiuj supre diritaj sferoj la taskojn, en kiuj hodiaŭ ekregis malviva skribaĵo kaj legado.

Post tiuj ĝeneralaj rimarkoj, kiuj videbligis al ni la distancon de jarcentoj kaj l' esencajn diferencojn inter l' antikveco kaj la modernaj tempoj, ni ekobservu detale la privilegian postenon, kiun la vorto posedis kompare kun la silenta penso. Kaj ni komencu de la penso mem.

*

La homo nuntempa kaj la homo norda parolas malpli multe ol la homoj sudaj, kiaj estis grekoj kaj romanoj. Li estas fermita, aperigas nek ĉiujn sekretojn, nek komplikajn procesojn kaj luktojn de sia interno, troan babilemon konsideras kiel trajton de infaneco aŭ simpleco. Dume l' antikva greko proksimiĝis per sia parolemo al viveca infano kaj ne hezitis malkaŝi ĉiajn ĝermojn kaj disvolviĝojn de sia penso. Platono nomis ja la penson interparolo kun si mem, kaj kiel interparolo ĝi aperadis sendube ofte laŭte en la vivo kaj aperas nemalofte en la literaturo. La Homer-a heroo, konsiderante, kion li estas faronta, alparolas sin mem:

Sekve li diris indigne al sia nobla spirito.

Do la greko ofte pensis laŭte, kaj tiu ideo de konsiderado kiel interparolo kun sia spirito havis tiun sekvon, ke la monologo, kiu al ni, norduloj, ŝajnas io nenatura, estis plenrajtigita en la greka poezio kaj larĝe disvolviĝis. Tio havis kiel pluan sekvon, ke l' aŭtoroj donis al filozofiaj konsideradoj ofte la formon de interparoloj, ĉu denove kun si mem, ĉu de dialogoj inter multaj personoj; sufiĉas nur rememori la pripensojn de Marcus Aurelius, turnantajn sin al la propra persono, kaj la senmortajn verkojn de Platono. De tio devenas certa babilemo de Platonaj dialogoj: la moderna filozofo kondukas rapide al konkludoj kaj rezultoj de siaj konsideroj, ne haltante longe ĉe ĉiuj premisoj. Dume, Platono adoras la laŭtan penson kaj plezure disetendas antaŭ ni la detalaron de l' konstruaĵo, ĉiujn kurbiĝojn de siaj argumentoj, kiuj nur malrapide proksimiĝas al la fina celo. Certa babilemo estas karakteriza por multaj verkoj de greka spirito ŝatanta ĉiam la skermadon de vortoj kaj langoj.

Laŭte sin aperigis ofte la penso en la antikveco, kaj ne malpli laŭte sonoris l' interparolo kun Dio t. e. la preĝo, kiun ni kaŝas prefere ne nur antaŭ l' okuloj, sed eĉ antaŭ l' oreloj de proksimuloj. En S-ta Mateo (6, 6—7) ni legas tiujn grandiozajn vortojn de Kristo: »Kaj kiam vi preĝas, ne estu kiel la hipokrituloj; ĉar ili ŝatas preĝi starante en la sinagogoj kaj ĉe l' anguloj de la stratoj por montri sin al homoj... Sed vi, kiam vi preĝas, eniru vian ĉambreton, kaj ŝlosinte vian pordon, preĝu al cia Patro en sekreto... Kaj preĝante ne parolu multe, kiel la idolanoj; ĉar ili supozas, ke ili estos aŭskultitaj pro sia multvorteco.« Tute aliajn konvinkojn havis tiurilate l' antikvuloj kaj donadis ordonojn plene kontraŭajn al tiuj de Kristo. Mallaŭta preĝo estis konsiderata kiel io mallaŭdinda, danĝera, ĉar en ĝi povis la petanto kontrabandi al diaĵo diversajn malaltajn petojn alportontajn eĉ ofte malutilon por proksimulo. Epikuros asertis, ke se diaĵo elaŭskultus ĉiujn mallaŭtajn petojn alportatajn al ĝi en sekreto, ĝia favoro peziĝus malbonaŭgure sur la havaĵo kaj eĉ sur ekzisto de proksimuloj. Tial oni postulis laŭtan preĝon, en kiu ne decis aperigi pekajn dezirojn kaj petojn al dio kaj al... atestantoj. Kaj krom tio regis la konvinko, ke laŭte esprimita peto estas pli grava kaj atingas pli facile la orelojn de dio. Ju pli grava estis do l' enhavo de l' preĝo, ju pli varma la deziro, ke la diaĵo favoru la preĝon, des pli laŭte ĝi devis sonori. Tial en Juvenalis (10, 289) la patrino zorganta pri l' estonteco de siaj infanoj petas Veneron pri l' beleco de siaj filoj mallaŭte kaj laŭtigas la voĉon nur, kiam ŝi intencas elpeti la belecon de l' filinoj. Tiel akompanis la gravecon de l' deziro la pligravigo de l' preĝo kaj la parolo plilaŭtigita.

*

# El „La Trofeoj" de J. M. Heredia

— G. Waringhien —

**Pri rompita marmoro**

*Pie okulojn ĝiajn la musko fermis dorme,*
*ĉar en ĉi veproj vane ĝi serĉus la Virginon,*
*kiu la lakton puran verŝadis kaj la vinon*
*al ter' belnoma, kiun ĝi signis limŝton-forme.*

*Lupol', heder', viburno, grimpantaj interdorne,*
*ne konas, envolvante ĉi tiun di-ruinon,*
*— ĉu Hermo, Faŭn', Silvano aŭ Pan* — la originon*
*de l' kap' sur kiu ili tordiĝas nun verdkorne.*

*Vidu. Radi' oblikva, flatante ĝin ankoraŭ,*
*ornamis la vizaĝon per du irisoj oraj;*
*sovaĝa vit' surridas k'el lipo purpura;*

*kaj — ŝanĝiĝema sorĉo — pro ia blovo vanta,*
*folioj, vaga ombro kaj sun-ekbrilo kura,*
*el ĉi marmor' kaduka fariĝis Di' vivanta!*

**Sur Otrio**

*Freŝiĝas. Suno plonĝas de la ĉiel' radia.*
*La gregon ne plu pelas tabano aŭ bupresto.*
*Ĉe l' flanko de Otrio longiĝas ombro. Restu,*
*restu kun mi, ho gasto, kara sendito dia.*

*Dum trinkos vi la varmon de lakt', okulo via*
*jen vidos el la sojlo de mia kampa nesto,*
*ekde Olimpaj suproj ĝis neĝoj de l'impresto,*
*la riĉan Tesalion kun montar' harmonia.*

*Jen maro, jen Eŭbea kaj, ruĝa pro l' sunbrulo,*
*jen Kalidrom' malhela; kaj Ojta: de Herkulo*
*la morta ŝtipar-lito kaj la altar' unua,*

*kaj tie, malproksime, tra luma nebulgazo,*
*Parnas', kiun vespere, laca por flugo plua,*
*ektuŝas, kaj forlasas je la aŭror', Pegazo.*

**Villula**

*Jes, al maljuna Gallo herede apartenas*
*sur la dekliv' de l' Alpoj — rigardu — ĉi bieno.*
*La tutan domon ŝirmas unu abi' sen peno,*
*kaj nur unu etaĝon la pajlo-kovr' entenas.*

*Por li kaj kroma gasto facile li konvenas.*
*Li havas panbakujon, jen estas vinĝardeno,*
*kaj en la legomkorto multiĝas la lupeno.*
*Ĉu magre? Nu, al Gallo plia dezir' ne venas.*

*La bosko donas faskon aŭ du, ĉiun decembron,*
*kaj sub la verdaj frondoj somere, dolĉan ombron;*
*tie kaptiĝas iam, aŭtune, turd' vojaĝa.*

*Kaj tiel, aprecante malvastan ĉi destinon,*
*Gallo sur ter' naskiĝa atendas vivo-finon.*
*Nu, iru; vi jam scias, ke Gallo estas saĝa.*

**La Ekzilitino**

*En val' sovaĝa, kien vin pelis vol' konsula,*
*al la muskoza monto, sur voj' al Ardegio,*
*klinante frunton, neĝan de frua arĝent-strio,*
*ĉiun vesperon, lante, vi venas, sonĝ-okula.*

*Alportas vian junon kaj hejmon rev' nebula*
*kaj la Flaminon ruĝan kun blanka procesio,*
*kaj, por mildigi vian sopiron al patrio,*
*ĉielen vi rigardas, ho trista Sabinula.*

*Al neĝohela Garro kun la sep kelkaj krestoj,*
*la agloj, kiuj celas malfrue siajn nestojn,*
*forportas de vi fluge l' intimajn revojn vantajn,*

*kaj sola, sendezira, sen ia fid' al homo,*
*altarojn vi starigas al Montoj gastamantaj,*
*kies najbaraj dioj konsolas vin pri Romo.*

**Tranquillus**

*En tiu milda lando vivadis Suetono;*
*el lia simpla domo, en ĉirkaŭaj' Tibura,*
*inter la vito restis ankoraŭ peco mura,*
*arkaj' ruinigita kun vinberar-festono.*

*Tien li ŝatis veni je la aŭtunsezono,*
*ĉe la malfruaj briloj de la ĉiel' lazura,*
*rikolti, for de Romo, berojn de l' vit' matura.*
*Viv' lia tie fluis en paca monotono.*

*En tiu pastorala, kvieta ter-angulo*
*vizitis lin Nerono, Klaŭdio, Kaligulo*
*kaj Mesalin' vaganta sub la purpura stol'.*

*Kaj tie, per la fero de akre pinta stil',*
*la senkompatan vakson skrapante, lia mano*
*skribis la nigrajn distrojn de l' olda Kapreano.*

**La maljuna oraĵisto**

*El ĉiuj majstroj, kiuj ricevis majstran vizon,*
*pli bone ol Ĥimeniz, Rujz, Arfe, Beceril',*
*mi muntis la rubenon kun perlo kaj beril',*
*mi tordis vazan anson, mi tajlis frisan ĉizon.*

*En la arĝenton, sur la emajlan kupr-irizon*
*mi pentris kaj mi skulptis — abomena konsil' —*
*ne Kriston sur la kruco, Sanktulon sur rostil',*
*sed — hont'! — ebrian Bakĥon aŭ Danae-surprizon.*

*De pli ol unu glavo mi damaskenis feron,*
*kaj pro la vanta fiero de inferaĵo tia*
*mi riskis mian parton el la eterna gloro.*

*Tial, de mia vivo trafante la vesperon,*
*mi volas, kiel faris Fray Juan de Segovia,*
*morti verkante super hosti-montril' el oro.*

---

Same sonoris la homa voĉo dum aliaj okazoj, kiujn hodiaŭ kovras silento. Nia jarcento estas epoko de legantoj; la legado multobliĝis senmezure same ĉe tiuj, kiuj deziras la tempon elprofiti, kiel ankaŭ ĉe tiuj, kiuj intencas ĝin sufoki. Ĉar la legado povas esti laboro kaj penso, aŭ formo de maldiligenteco kaj senpensemo. Tiu lasta, al homoj, kiuj ne spertis penon kaj ne meritas respiron, certigas agrablan ripozon dum la legado de senvaloraj romanoj kaj ankoraŭ pli senvaloraj gazetoj. En la tempoj antikvaj oni legis sen-kompare malpli multe kaj legis alie. La legado estis antaŭ ĉio malpli ofta, ĉar malpli komforta. Kiu prenis surskribitan volvaĵon kaj estis devigita teni ĝin per unu mano kaj disvolvadi per l' alia, tiu povis revi nek pri komforta sidado, nek pri la mola ripozo de l' korpo kaj spirito. Krom tio, la teknika flanko de l' legado prezentis certajn malfacilaĵojn; la skribo estis neklara, la vortoj malmulte disdividitaj, la interpunkcio malofte faciligis la rapidan komprenon de tekstoj; tial homo pli riĉa ŝparis al si tiujn penojn kaj havis en la aro

de siaj sklavoj lertajn lektorojn, kiuj lernis kontraŭbatali kaj venki tiujn malfacilaĵojn. *Anagnostaj* t. e. la lektoroj, kiuj akiris la arton bone kaj sonore legi, apartenis al la plej ŝatataj anoj de l' sklava servistaro. Sed homo, kiu ne havis por sia dispono lektoron aŭ mem intencis legi, alimaniere plenumis tiun agadon, ol tio hodiaŭ okazas. Instigis al tio la naturo de l' literaturaĵoj mem, kiu intencis ne nur okupi la penson kaj instrui, sed ankaŭ per la sonoj ĝojigi kaj la orelojn dorloti. Tiun aperaĵon elvokis plue la vivemo de sudano; ĝis la hodiaŭa tago homoj simplaj kaj infanoj multfoje kutimas legi laŭte, kaj en italaj kafejoj nemalofte oni aŭdas la homojn laŭtlegi siajn ĵurnalojn. La mallaŭta librolegado estis konsiderata en la tempoj antikvaj kiel eksterordinaraĵo: S-ta Aŭgusteno rakontas en siaj *Confessiones*, ke li trovis iun tagon s-tan Ambrosion leganta, kaj akcentas kiel esceptan fenomenon, ke la voĉo kaj lango de Ambrosio tiam ripozis — *vox autem et lingva quiscebant.*

Ankaŭ dum la skribado, la voĉo, kiu ĉe ni estas dum tiu agado tute muta, havis en la tempoj antikvaj siajn rajtojn. Platono nomis la skribadon mizera anstataŭo de l' parolo, kaj Goethe misuzo de l' parolo, *Missbrauch der Sprache*. Hodiaŭ tamen la skribo kaj skribadado multobliĝis malutilante la vivan vorton, eĉ malutilante la agon, kiun multaj homoj ofte evitas per skribado; Kristo nur per vivaj instruado kaj vorto influis l' aŭskultantojn. Kompreneble tamen oni skribis ankaŭ en la tempoj antikvaj kaj oni devis skribi; sed tiu agado grandaparte estis plenumata alimaniere ol ĉe ni. Mem oni skribis nur tujajn ideojn, la plej intimajn leterojn, faris notojn; verkojn destinitajn por pli larĝaj rondoj oni tamen prefere diktis. Kaj al tia skribado necesis arto pli ornama, korekta; tial apartaj homoj, nomataj *librarii* aŭ *notarii*, staris je l' dispono de l' aŭtoro. Do la voĉo estis aganto ĉe la verkado mem, kaj tio havis gravegajn sekvojn, multe helpante al pli granda belsoneco kaj glateco de lingva formo. — S-ta Paŭlo diktis ekz. siajn leterojn destinitajn por la komunumoj; sole la leteron al amata Filemono, fluantan rekte el la koro, li skribis propramane. Tiu kutimo dikti la verkojn estis tiel ĝenerala en la tempoj antikvaj, ke la vorto *dictare* en la malfrua latino fariĝis sinonimo de *scribere*. De tie devenas ankaŭ la germana nomo de poetoj, *Dichter*. Tial kun certa rezervo oni devas konsideri l' asertojn de l' mezepoko, ke famaj kaj eminentaj personoj de l' historio ne konis la skribarton. Tion oni asertis ekz. pri Karlo la Granda. Grandaparte oni devas tiaspecajn asertojn kompreni tiel, ke l' eminentuloj ne konis la arton skribi orname, kio estis la tasko kaj okupo de l' supre nomitaj »notarioj.«

*

La voĉo akompanis la libron ankaŭ en ĝia plua migrado dum la tempoj antikvaj. Ĉe ni la libro naskiĝas en la silento de soleca kabineto kaj poste transiras en la manojn de mallaŭte leganta ĝin aĉetinto. Ĉe grekoj kaj romanoj la sortoj de l' libro, kiu aperis en la mondo, estis iom aliaj. L' aŭtoro ĝin akompanis ĉe ĝiaj unuaj paŝoj farataj sur la publika areno; antaŭ ol ĝi atingis la larĝajn rondojn de l' legantoj, li aranĝis por ĝi bapton en malpli larĝa aro de l' elektitoj, kaj tiu bapto estis samtempe ĝia reklamo kaj rekomendo por ĝiaj pluaj sortoj. En Greklando fiksiĝis delonge la kutimo, ke same prozistoj, filozofoj kaj historiistoj, kiel ankaŭ kaj antaŭ ĉio poetoj aperis antaŭ la publiko legante siajn novajn verkojn; tiu literaturo unuavice estis destinita por l' aŭskultantoj, ne por la legantoj. Kaj el Greklando transiris tiu kutimo de recitadoj Romon kaj precipe fiksiĝis en la tempoj de Augustus. Ili fariĝis ĉi tie baldaŭ ĉiutaga aperaĵo de spirita vivo, eĉ ĝia plago, antaŭ kiu oni povis sin kaŝi en neniu loko kaj dum neniu jarsezono. Oni recitadis en haloj, publikaj banejoj, eĉ sub nuda ĉielo, la varmego de julio kaj aŭgusto ne ŝirmis de trudemaj, gajnavidaj deklamantoj. Migrantaj poetoj atakis ĉie siajn viktimojn; oni komparis ilin kun sovaĝaj bestoj, pardonantaj al neniu, al hirudoj suĉantaj sangon de l' viktimoj; nehaltigebla poeto Eŭmolpus deklamas ĉe Petronius eĉ, kiam ondoj kovras la ŝipon kaj la morto rigardas en la okulojn de l' malfeliĉaj vojaĝantoj. Plinius la juna priskribis al ni en interesa maniero la ruzojn de poetoj, atendantaj je siaj viktimoj, elturniĝojn de l' aŭskultantoj, dezirantaj almenaŭ mallongigi al si la momentojn de suferegoj. Li rakontas, kiel aŭtoroj alpelis en la halon de recitado la publikon, kiel ili certigis al si klakon, kaj duaflanke prezentas al ni l' aŭskultantojn, kiuj antaŭ la pordo zorge informiĝis, kiom la recitado estas progresinta, ĉu proksimiĝas jam fino, kaj post tiu certiĝo aperis pli kuraĝe antaŭ la vizaĝo de l' ekzekutisto. Ĉar laŭ la prava aserto de granda scienculo, la homa gento neniam montras pli obstinan rezistemon ol antaŭ longa prelego. Kaj tiu kutimo de recitado influis ree mult-



Jan Wils: *Gastejo en Woerden.*

foje la formon de l' literaturo; sole granda belsoneco de la lingvo povis interesi kaj ĉarmi la spiritojn, certaj pli gravaj epizodoj ripetiĝantaj de tempo al tempo — *lumina ingenii* — refreŝigi kaj fortigi la atenton kaj elvoki aplaŭdojn. La verkisto submetanta sin al tiu provo klare konvinkiĝis, ĉu lia verko posedas sufiĉan ornamecon kaj glatecon por povi ĝin ellasi en la larĝan mondon. Tio estis do samtempe reklamo kaj ĝenerala provo. La buŝa reklamo akompanis plue la verkon ankaŭ en la librejo. Ofte okazis, ke la librovendistoj relegis al la klientoj pli belajn ĉapitrojn de l' aŭtoroj por rekomendi siajn komercaĵojn. Tiel la viva voĉo lulis la verkojn depost la momento de ilia kreiĝo dum ĝiaj pluaj vojoj.

La recitadoj anstataŭis en certa grado al l' antikva homo la muzikajn produktadojn kaj koncertojn. La sentemo de vortsonoj kaj la deziro ebriiĝi per la viva vorto trovis en ili sian kontentigon. Similajn impresojn aŭ plezurojn oni povis ĝui ankaŭ dum la produktadoj de l' deklamantoj, kiuj sur imagitaj kaj elpensitaj temoj, ĉerpitaj ĉu el la historio, ĉu el sfero de krimeco, ekzercis sin kaj la lernantojn kaj montris samtempe sian oratoran genion. Tiaj deklamoj enradikiĝis en Romo depost l' unua jarcento antaŭ Kristo; ili devis estis lernejo kaj preparejo por l' estontaj oratoroj, tamen kiam la vivo dum la imperiestra reĝimo donis malmultan okazon por oratoraj triumfoj, oni baldaŭ forgesis ilian celon kaj la deklamoj degeneris al vantaj kaj ofte sencelaj fanfaronaĵoj. Tiel oni prezentadis dum ili la tricent Spartanojn pripensantajn en Termopiloj, ĉu ili devas resti sur la posteno, Ciceron cerbumantan, ĉu li estas pardonpetonta la kolerantan Antonion, kaj aliflanke oni skizis sangajn tiranojn, kiuj turmentis sian viktimojn; oni prezentis ofte ankaŭ la plej frapantajn bildojn de familiaj krimoj, en kiuj foje degenerintaj patroj, foje ankoraŭ pli degenerintaj filoj vetkuris pri l' palmo de perverseco kaj nenaturaj instinktoj. En tiuj forĝejoj de l' elokventeco oni fabrikis fulmotondrajn frazojn ebriigantajn per trograndigo, luktis per lignaj glavoj, kiuj povis neniun vundi, sed mortigis la senton de simpleco, realo kaj vero. Gigantaj sole vortoj konvenis al nenaturaj kaj monstraj situacioj, per kiuj oni ekzercadis la penson kaj elokventecon; ekregis superlativo, kiu laŭ Voltaire karakterizas la malsaĝulojn, kaj estas ĉiuokaze semo de stulteco.

Ni aldonis ĉi tiujn kelkajn vortojn pri deklamistaj skermadoj kaj ekzamenoj, abundaj precipe dum la romimperiestra epoko, por konigi la degeneron, al kiu kondukis la troa kulto de l' vorto. Oni povas rimarki en tiu aperaĵo ion, kion ni prave povus nomi vortebrieco.

*

Novaj literaturoj naskiĝas en silento, kaj la verkoj de homa spirito malpli estas elmetitaj al la danĝero, ke en ili la konsidero de l' formo kripligos kaj surdigos la spiriton kaj la sonoj superbruos la enhavon. Pli prave oni devus timi ofte kontraŭan eraron — mankon de zorgemo pri l' ekstera formo kaj ĝia poluro. En la tempoj antikvaj la versoj plensonoris kaj eĉ en la prozo oni zorgis pri l' ritmeco de frazoj, kiu montriĝas ĉe multaj verkistoj; oni evitis interalie renkonton de vortoj, kiuj kaŭzus por l' orelo malagrablajn hiatojn. Dume, en la hodiaŭa prozo, oni renkontas erarajn malglataĵojn kaj grincojn, kiuj frapas dum mallaŭta legado kaj en laŭta fariĝas netolereblaj. Antipatio al malagrablaj hiatoj malaperis eĉ en la poezio. Inter la germanaj poetoj evitas tiajn hiatojn nek l' eleganta Schiller, nek la sonorplena cetere Heine; ĉe Goethe oni trovas jam pli grandan zorgemon en la forigado de l' hiatoj, kiuj okazas ĉe l' renkonto de vokaloj inter la najbarantaj vortoj.[1])

Greko kaj romano estis nebrideblaj en aŭskultado, en la modernaj tempoj kontraŭe senbrida skribado kaj legado estas frapanta aperaĵo. Troa skribado montriĝas ne nur en la burokratio, kiu per remparoj da papero bremsas plej ofte la vivon, sed ankaŭ en la literaturo. Nepostulemaj kaj avidaj presmaŝinoj konsumas kaj disvastigas tro trudeme ne nur kreaĵojn de penso, sed ankaŭ fuŝproduktaĵojn de malpensemo, kiuj ne malpli grandan, ol verkoj valoraj, ĝuas akcepton vantigante la tempon kaj la homojn. Iu prave dividis la verkistojn je tri kategorioj: tiuj, kiuj pensas antaŭ ol verki libron, aliaj, kiuj pensas dum la verkado kaj fine lastaj, kiuj nek komencante la laboron, nek dum ĝia daŭro trudas al si tiun ĉi penon. Tiu ĉi tria parto konsistas el banditoj rabantaj fremdajn pensojn,

[1]) Tiurilate Esperanton kun multaj vortoj komenciĝantaj kaj ankoraŭ pli multaj finiĝantaj per vokaloj, en kiu do la hiato estas neevitebla, konsiderus certe l' antikvaj Grekoj kaj romanoj — barbaraĵo. Kaj la disvolviĝo de Esperanto en la daŭro de ĝia 45-jara ekzistado rimarkinde pruvas la pravecon de l' aŭtoro de tiu ĉi skizo koncerne la nesentemon de modernuloj: eĉ tiun malgrandan kaj nesufiĉan rimedon por iom almenaŭ limigi la hiatojn, kiun Zamenhof donis al Esperanto per apostrofado de l' artikolo, la Esperantistoj ne nur ne elprofitis, sed eĉ kontraŭe ŝajnas forpuŝi. Notindaj ankaŭ estas iaj diferencoj en formaj uzoj, ekzemple ĉe la artikolo. En 1888 oni legis »por l' afero, vivu l' homaro«, en 1927 pli ĝeneralee »por la afero, vivu la homaro«. La apostrofita l' preskaŭ tute limiĝis al uzo post vokalfinantaj prepozicioj tra l', de l', ĉe l'. (Privat: Historio de Esperanto). Certe grava kaŭzo de tiu ĉi fenomeno estas la nedisputebla fakto, ke Esperanto estas kaj sendube restos ankoraŭ tre longe, eble eĉ ĉiam, lingvo pli skriba ol parola. (Rim. de l' trad.)

## Epitafo

**— Ada Negri —**

*Karla mi estis, serena kaj blonda, kun helaj okuloj.*
*Tridekjara mi mortis. Iome haltadu, virino pasanta.*
*Florojn ĉu donas ankoraŭ la ter' tiel frue lasita?*
*Ĉu en la suno ankoraŭ la spikoj ondumas tritikaj?*
*Kiam mi vivis, la suno, ja tuta la sun' estis mia:*
*Sunaj la haroj, la rido, la kanto de kor' mia juna,*
*Miaj du fortaj knabetoj naskitaj de am' mia juna.*

*Sed mi sopiris knabinon, mi volis knabinon. Ŝi estu*
*Samtia, kia mi estis mem inter la brakoj patrinaj.*
*— Do nu, Sinjoro, mi preĝis, filinon, knabinon. —*
*En vintro*
*Iumatene ŝi venis. Sen plor'. Kun fermitaj okuloj.*
*Ŝi min forportis, ne scias mi kiel okazis — mi restis*
*Sangomalplena — kaj kion nun faras sen mi miaj knaboj?*

*Jen kuŝas mi kun la filin', kies mi eĉ okulojn ne vidis*
*Nek voĉon aŭdis. Mi volis ŝin: estas mi ŝia. Karesas*
*Ŝi min ŝtonmane; al kor' mia ŝtona mi premas ŝin. Ĉiam.*

El la itala: *Bruno Migliorini.*

tempon kaj monon de l' leganto, stelantaj la spiriton kaj malpurigantaj ofte la lingvon de l' popolo. Kiom longe ne ekzistis la preso, la leganto per sia propra, neinfluata juĝo povis sin direkti en elektado de sia legaĵo. Hodiaŭ la preso imponas al li, malgraŭvole li supozas, ke tio, kion oni konsideris presinda, estis efektive valora. La libro kaŭzas en li tian admiron, ke pri l' homo, kies vortoj turnas lian atenton, li diras kun ŝajne plej alta laŭdo, ke »tiu parolas saĝe, kvazaŭ li legus el libro.«[2]) Kaj ja samrajte oni devus postuli de la libro, ke ĝi tion enhavu, kion la sana prudento, eĉ ne presita, en la vivo proklamas. La senliman skribadon akompanas en modernaj tempoj ankaŭ senlima legado. La legado povas degeneri je malbona pasio, je nekuracebla malsano, kaj antaŭ ĉio je maldiligenteco. Ekzistas homoj, kiuj postesekvas konstante sian jarcenton, kaptas tuj ĉian novaĵon, por nur ne resti malantaŭ sia epoko, malantaŭ la kuranta kaj eĉ supraĵa literaturo. Ili tiom legas, tiom paŝtas sin konstante per fremda penso, ke fine ili perdas la kapablon pensi memstare kaj enfalas en intelektan nedigesteblecon. Schopenhauer konis tiajn viktimojn de tromanĝemo inter la scienculoj; *sie haben sich dumm gelesen*, li diris pri ili en sia kerneca, mordanta maniero. Kaj Schopenhauer donis orajn regulojn pri l' arto de legado,[3]) ĉar ĝi estas arto, kiu havas siajn regulojn kaj ordonojn same ŝatmeritajn, kiel en aliaj artoj. Post li la profunda sviso Hilty okupis sin pri tiu problemo,[4]) kaj fine trafajn rimarkojn pri tio faris Emil Faguet en bela libreto *L' art de lire*. Ili avertas konsente kontraŭ l' obstina persekutado de lastaj novaĵoj, kies noveco troviĝas ofte sole en la freŝeco de papero kaj kovrilo; konsente ili brulstampas ankaŭ la homojn, por kiuj la ĉiutaga ĵurnalaro estas unika mensa nutraĵo.[5]) Malrapida legado, revenado al malnovaj libroj, relegado de senmortaj aŭtoroj, en kiuj oni ĉiam malkovras novaĵojn, estas la sola efika rimedo, por fortigi, rekrei la spiritojn, kaj la freŝecon de sia penso sendanĝerigi de senfrukteco kaj maldiligenta pasiveco. Certa dieto en la legado same kiel en la kuirejo, tio estas elektemo kaj limigo en akceptado de l' intelekta nutraĵo. Ekzistas homoj pretaj paroli pri ĉio, ĉar ili estis sin paŝtintaj per gazetaj felietonoj kaj postrestaĵoj de la tablo de riĉuloj; vortoj kaj penso de aliaj estas kunmetita sole el citaĵoj, pruntoj el fremda bieno. Ili estas spiritaj parazitoj, kiuj scias per sia ŝajna universaleco tromplogi naivulojn, tamen la penson homan ili ne profundigas, nek puŝas antaŭen. Aliaj volonte restas inter intelekta servistaro, al reĝoj kaj majstroj neniam proksimiĝas; ili legas konstante librojn pri libroj anstataŭ preni la senmortajn verkojn de l' homaro. Ekzistas fine, kiuj ĉerpas fremdajn pensojn el fremdaj libroj senescepte; ili pruntas pasie presaĵojn de aliaj, kaj oni scias, ke la fremda libro restas ĉiam io fremda, neniam fariĝas tiu fidela vivamiko, kiu en malfacilaj momentoj neniam rifuzas konsilon kaj konsolon, en la ĝojaj ne malŝparas dolĉon kaj ĝuon. Tamen la unua ordono en tiu ĉi sfero estas, ke per literatura fuŝaĵo oni ne makulu l' animon kaj ne kripligu la lingvon, kaj la dua, ke la libron oni legu por rekrei la propran penson kaj ne, por ke ĝi lulu nin en mallabora senpensemo.

2) Pola proverbo. (Rim. de l' trad.)

3) En »Parerga und Paralipomena«: Über Lesen und Bücher.

4) Lesen und Bücher.

5) Emon oni sentas aldoni: ankaŭ la esperantista. (Rim. de tr.)

Se en l' antikveco estis trouzo de viva vorto, certa troo en aŭskultado kaj ebriiĝo per sono, do en la tempoj modernaj ni trovis hipertrofion de skribado kaj legado. Ambaŭ ekstremoj havis malbonajn sekvojn. Vero troviĝas enmeze, en bridado de troaĵoj. Pri la granda parolemo de l' antikvuloj diris Kristo: »Kaj parolo via estu: Jes, jes — Ne, ne. Kaj kio estas troa, malbona estas. Nuntempa troskribado meritus similan admonon. Ĉar al iuj homoj ŝajnas, ke per skribado ili puŝas antaŭen la vivon kaj la progreson, ke l' aktoj elvokas agadon kaj preskaŭ ĝin anstataŭas. Tial la plago de burokratio, kiu, profunde kredante, ke *scripta manent*, kontentiĝas per tiu kredo, eĉ se la senmorteco triumfus nur sur papero; per amasoj da folioj envolvas la burokratio siajn infanojn kaj sufokas ilin samtempe. Tial la troa kulto por verkistoj kaj iliaj verkoj, elkreskinta el la konvinko, ke verko skribita egalas agon. Kaj libro ja meritas tian admiron nur en escepta okazo, se ĝia vorto enspirigas en l' animon ian novan forton, se ĝi rekreas la sentojn kaj pensojn de sia popolo kaj donas al ĝi flugilojn al kuraĝaj progresoj kaj flugoj.

El la pola: *Br. Kuhl.*

## Forgesi . . .

*Mi ŝatas aŭdi melodion*
*de moda tango, levi glason,*
*tra fum' saluti la amason*
*kaj trinki, forgesante ĉion.*

*Ĉe l' vango senti ardan spiron*
*el lipoj, ruĝaj incendie,*
*rideti lace, apatie,*
*nek tenton senti, nek deziron.*

*Forgesi ĉion, tute ĉion —*
*min mem eĉ, kaj la tempo-pason;*
*algapi stulte vinoglason*
*kaj zumi tangomelodion.*

## Senti vin . . .

*Forgesi pri la mondo vasta,*
*atendi vin, nur sole vin!*
*Al akra ĝu', al kisebrio*
*fordoni ĉion por nenio*
*kaj senti vin, nur sole vin!*

*Nur sole vin ĝis horo lasta,*
*ĝis hor' matena sole vin*
*karesi kisi dolĉ-adore,*
*en ĝuon jeti min dolore*
*kaj senti vin, vin, sole vin!*

## Hodiaŭ

*Hodiaŭ min regas ekscito,*
*hodiaŭ mi estas ne mi;*
*lavange la sango min pelas,*
*la sentoj ventege ribelas*
*kaj regas min stranga ekscito:*
*hodiaŭ mi pensas pri vi.*

**N. Kurzens**

# Vojaĝo en Faremidon

— Frederiko Karinthy —

SESA ĈAPITRO.

*La aŭtoro ekscias, kiel li venis en Faremidon. / La dosire, aŭ la malsano de l' mondo. / Indigno de l' aŭtoro en la nomo de l' homa raso.*

La unua afero, pri kiu mi demandis mian mastron Midore, kiam iom — false kaj neperfekte — mi povis min komprenigi per ilia lingvo, komprenehle estis: al kia stranga hazardo mi povas danki, ke mi venis en Faremidon, kie kaj kiel ili trovis min?

Mia mastro rakontis, ke ili ofte travagadas la spacon per pulmoj movataj de elektraj radioj (tiel mi nomas la motoron, kiun ili havas en la supra parto de sia trunko), serĉante pli purajn kaj pli vastajn harmoniojn, kaj dumvoje ili tuŝas la atmosferon de fremdaj planedoj kaj astrosistemoj. Lia amiko, Sido, okaze tuŝante la atmosferon de l' planedo Lasomi (tiel ili nomas la Teron), mire malkovris en la atmosfero ian figuron, kiu ŝajnis preskaŭ inteligenta estaĵo kaj kiu ŝvebis en tia alto, kie laŭ ilia scio pri Lasomi, ankoraŭ nenia materio aperis. Li alparolis ĝin, sed la estaĵo ne respondis. Flugante super ĝin, li rimarkis du dosire-ojn en la interno de l' ŝajne inteligenta estaĵo: unu jam ne moviĝis, ĝi ne estis plu infekta, sed la alia estis ankoraŭ tia. Ĉar la formo de l' dosire estis interesa kaj nova, Sido levis ĝin el la interno de l' estaĵo por porti ĝin en Faremidon cele de mikroskopa ekzameno. Ĉi tiu dosire estus mi, ĉu ne, en kiu ili malkaŝis strangajn signojn de l' intelekto kaj mi nun estas studata de ili, kiel *fami-dosire,* vivanta kaj inteligenta malsano.

Ĉi tiujn vortojn mi aŭskultis kun granda surprizo kaj respekte mi demandis mian mastron, kion ili komprenas per dosire kaj en kia senco ili kredas, ke ankaŭ mi estus tia, aŭ kiel ili povis ĝis nun havi koncepton pri estaĵoj similaj al mi, konsidere, ke ilia estaĵo tiom diferencas de la mia? Aliparte kion li komprenas per la vorto »infekta«, ĉar, se mi bone komprenis liajn vortojn, lia amiko erare opiniis la aeroplanon inteligenta estaĵo kaj min, kiu estis en ĝi, li rigardis io alia.

Mia mastro rakontis, ke ili jam delonge kaj bone konas Lasomi-n, la Teron, per teleskopoj ili jam delonge kaj precize esploris ĝian surfacon kaj tie apenaŭ troveblas, kio evitis ilian atenton. (Mi devas konstati, ke ĉi-okaze li diris la plenan veron; poste, foje ili montris al mi tian teleskopon direktante ĝin al la Terglobo, laŭ diversaj alĝustigoj, kaj mi povas diri, ke tra la vitro mi povis akre distingi ne nur la domojn, sed eĉ la homojn kaj ĉiujn iliajn aferojn.) Ili konstatis, ke sur la Lasomi ne ekzistas estaĵoj inteligentaj en faremido-a senco: fakto tiom pli surpriza, ĉar helpe de spektroanalizo ankaŭ sur la Lasomi estas malkovreblaj kelkaj materioj necesaj por intelektaj estaĵoj, kiel fero, oro, hidrargo kaj ankoraŭ multaj aliaj mineraloj. Kontraŭe, jam delonge ili vidas sur la Tero multajn moviĝantajn, do infektajn dosire-ojn, diversformajn kaj diverspecajn; estas supozeble, ke ĉi tiuj malsanigaj ĝermoj detruis la viveblojn de la teraj solasi-oj, tio estas eĉ verŝajna, ĉar ĉie, kie ili trovas ian ŝajne inteligentan estaĵon, kiu konsistas el fero aŭ ŝtalo kaj kiun movas elektro aŭ varmo: en aŭ ĉirkaŭ ĝi flankumas ĉiam tuta amaso da dosire-oj, do parazitoj.

Je la demando, kial ili opinias ankaŭ min dosire, mia mastro ridetante aludis tiujn strangajn plantojn, kiuj min tiom surprizis je la tago de mia alveno, kaj kiujn mi nomis homsimilaj arboj. Li rakontis, ke ĉi tiuj arboj estas specoj de dosire; ili jam delonge vegetas kaj parazitas en la cetere sana grundo de Faremido kaj venenas la simplajn kaj purajn elementojn necesajn por solasi-fabrikado. Ili konsistas el stranga miksaĵo, kies naturon iliaj hemiistoj ankoraŭ ne konas, nur ĝian detruan kaj malsanigan efikon; kie aperas tia dosire, tie ekputras la materio, estiĝas malbonodoraj sukoj kaj senforma jukanta absceso. Per la vorto dosire oni komprenas en Faremido ĝenerale venenon, infektan materion, paraziton; se tia estaĵo venas inter la erojn de la solasi, tie ĝi kaŭzas konfuzon kaj malsanon: dank' al Dio ĝi estas tre facile detruebla per la helpo de kelkaj acidoj; cetere ankaŭ ĝi mem estas pereema materio, malsana malsano, kiu sin mem ruinigas per tiuj korodaj kaj detruaj materioj, kiujn ĝi produktas kaj diserigas. Kiam mi, Gulliver, venis ĉi tien: ilia unua tasko estis ekzameni min per mikroskopo pli precize, ol ili tion povis fari per teleskopo, kiam mi vivis ankoraŭ sur la Tero; kaj ili konstatis kun bedaŭro, ke esence mi estas sama dosire, kia sporade troviĝas ankaŭ en ilia grundo, kaj kiu tiom multspece svarmas sur la Tero. La scienculoj de Faremido jam eĉ determinis mian lokon en la sistemo de la malsanigaj bakterioj, kaj Sido, al kiu oni povas danki mian ektrovon, min nomis remisolami-sidore, kiu en proksimuma traduko signifas homimitan bacilon, tian malsanoĝermon, kiu, estante parazito, alprenas ecojn similajn al tiuj de la vivaj, neorganikaj estaĵoj, por pliproksimiĝi al ili; tiel ĝi eligas ankaŭ sonojn kaj ĝi produktas en la kapforma supra parto tian materion, kies sekrecio, la penso, ekstere similas al iliaj spiritaj produktaĵoj. Sed ke, senkonsidere al ĉi tio, mi estas sama dosire, kiel la aliaj, tion pruvas, ke en mia substanco troveblas nenia valora materio, metalo aŭ mineralo; sekve de tio mi nepre estas malsano, do pereema fenomeno (estas interese, ke en la lingvo de la solasi-oj ĉi tiuj du vortoj signifas la samon), malsano-materio konsumanta sin mem. Cetere, ankaŭ mi mem pruvis de tiam, kiom ĝustas ilia supozo: ili observis, ke en certa parto de l' tago min kaptas maltrankvilo kaj tiam mi vizitas tian faremidoanan dosire-on kaj kelkajn el ĝiaj ŝvelaĵoj mi deŝiras (li komprenis frukton) kaj tiujn mi detruas manĝante plenbuŝe, do estas evidente, ke mi apartenas al tiuj duagradaj estaĵoj, kiuj nur tiel povas konservi sian mallongdaŭran vivon, ke ili konsumas organismon similan al si, por ke poste ankaŭ ilin konsumu sekvonta generacio.

Ĉion ĉi mia mastro rakontis tute trankvile kaj malvarme; estas interese, ke pro stranga hazardo la muzikitaj vortoj, sendepende de ilia senco, kunfandiĝis en tiel admirindan melodion, ke, kiam li finis la rakonton per la vorto »generacio«, kvazaŭ per formortarta akordo: dum minutoj mi staris ravite kaj senvorte, kun animo torporigita kaj lulita en dolĉan ekscitiĝon. Nur malrapide disiĝis ĉi tiu sorĉo, por ke poste konsterniĝante kaj indignante mi memoru pri la senco de l' vortoj kaj pri la tuta senscia kaj malica koncepto, laŭ kiu li determinis en la naturo la lokon de la homa raso, do ankaŭ tiun de la loĝantoj de mia adorata patrujo. Samtempe mi sentis ĝojon: jen, mi havas okazon refuti la malverajn kaj humiligajn tamojn pri ni disvastigitajn kaj deklari la gloron kaj la

# Insuloj de la kariatidoj

— Gjuro Vilovic —

Serene ridetis la insuloj sub la unuaj radioj de l' matena suno, dum la tero, ankoraŭ en ombro, rigardis al ili sename kaj kolerete. Malafable kaj dormeme ĝi puŝrulis for spiretojn de l' matena vento kaj ŝaŭmajn ondojn. Senama kaj apatia, ĝi tutplene kontrastis kun la ĝojaj insuloj. Apatia pri ĉia estado kaj okazado, la tero kuŝis malserene kaj nude antaŭ la okuloj de tiom da barkoj kaj tiom da virinoj, remantaj for de la insuloj.

— Portas fluo. Ne eble for...

— Rempuŝu pli, Mara...

— Vane, eĉ se mi rompiĝus.

— Hodiaŭ tute ne eble for...

— Do ni ekkantu! Komencu, Mara...

Mara, la alta kaj juna virino kun belegaj nigraj okuloj, en kiuj estis milda kaj trankviliĝinta lumo, milda kaj trankviliĝinta kiel la lumo de l' olea flameto, ekkantis voĉpremite:

— *Hoj maro profunda, vi mia feliĉo...*

Ĉe l' unua tono: hoj — Mara kaj la tuta virina remĥoro entrempis la remilojn en la maron, jen apogante sin sur la remilojn, jen eltirante ilin el la akvo. Ĉe l' akcentofalo: vi, enfalis denove remiloj en la maron kaj tiel ĝis la fino de la kanto kantata al la maro, kiu portas la tutan ĝojon de l' virina vivo, sur kiu vagnaĝas floro de ilia juneco. Pere de l' kanto demandis la virinoj maristojn, ĉu ili vidis ie — la karulojn, la amatojn... La kanto frapis takton por la laciga remado kaj la penso, akompanante la taktojn kaj fleksojn de l' virinaj korpoj, inspiradis forton kaj persistemon...

— Kion skribas via Marko...

— Je la Kristnasko li venos...

— La via?

— Skribas nenion. Ie malproksime li estas, malproksime. Li venos subite, li aŭ — la letero. Ĉiumatene, kiam mi foriras, mi esperas: surprizos min io ĉe la reveno.

— Via Ivan, Mara?

— Li dirigis al mi: Kiam vi enplantos tri mil vinarbetojn, mi tiam venos...

— Hodiaŭ ne eble for...

— Ni puŝu pli, virinoj, por antaŭkuri la tagon.

— Ni puŝu...

— *Hoj maro profunda, vi mia feliĉo...* La kanto frapis takton por la remado kaj por la pensoj.

Ok virinaj korpoj jen klinkurbiĝas al la remiloj, jen kun ili rektiĝas. Ĉiuj ok vestitaj per kruda, bruna ŝtofo kun etlarĝaj ruĝaj borderaĵoj kaj kelkaj rubandetoj. Pezaj, malserenaj kaj krudaj ŝtofoj englutas la korpojn de la virinoj, ĉiujn iliajn formojn, ĉiujn fleksozonojn kaj korpligojn. Ok asketaj staturoj dronigitaj en krudajn ĉifonojn forfrotas malrapide, sed persiste, ĉiujn ĉarmojn kaj virinformojn. Ĉe ĉiu bato de remilo en la maron, ekbalanciĝas dolore kaj kriple dekses pendantaj, velk-inertaj mamoj. Akvumas kaj ĉifas ilin griza ŝtofo super la kruda, ŝvitsaturita tolaĵo. Ŝvitsaturite haladzas ankaŭ ĉiuj poroj kaj fleksozonoj. Ŝvito glitgutas laŭ la ostecaj vizaĝoj kaj kurbaj koloj. La tendenoj krakas, rompiĝas, sin fleksas kaj inertiĝas. La piedoj perdas la naturan danciron de l' virinoj kaj kutimiĝas al la malgraciaj paŝoj de la maristoj, eterne

ĉio-superan suverenecon de nia raso. Kio estas ĉi tiuj maŝinoj, ĉi tiuj ŝraŭbkolaj kaj helicokapaj tenajloj kaj fonografoj, mi pensis fiereg-fanfarone, kompare al la grandioza enigmo de l' vivo?

Mi petis mian mastron por trankvila aŭskultado, ĝis ni klare vidos kelkajn aferojn. Mallonge mi resumis ĉion, kion mi scias pri ĉi tiu demando: mi komencis per Adamo kaj Eva, sed modere, mi klopodis deteni min de trolongemo: ĉie laŭ la indikoj de la modernaj natursciencoj. Mi rakontis, kiel dezerta kaj senviva estis la globo, antaŭ ol aperis sur ĝi la Vivo — mi priskribis prehistorian pejzaĝon — kun lumoj fosforantaj en la malvarmiĝantaj vaporoj; aglomeriĝantaj, neformitaj metaloj kaj mineraloj bunte ruliĝas sub la kuprokolora firmamento, krateroj ŝprucigas la fajron kaj blankaj fumnuboj puŝiĝas en la alton. Poste ĉio ĉi trankviliĝas, blankaj akvoj kovras la teron, ridete brilas la arda suno kaj en la malprofundo de l' akvoj malrapide ekmoviĝas io. Strangaj, novaj formoj sin montras, la Vivo aperis sur la Tero. Ĝi provadas prosperi dum jarmiloj en cent kaj cent diversaj formoj: ĝi alprenas la formon de fiŝo, poste ĝi algluas por si flugilojn kaj leviĝas en la aeron, jen ĝi havas dek piedojn kaj multajn buŝojn, jen ĝi ellongigas sian kolon por atingi la frukton de la palmoj, jen ĝi kreskigas akran fosilon antaŭ sian buŝon, por elfosi sian nutraĵon el la polvo de l' tero. Ĝi kreskigas grandegan korpon por naski amason da idoj, foje razilakrajn dentojn por defendi sin kaj konservi sian rason. Fine, post longa eksperimentado, ĝi enpensiĝas antaŭ unu formo: ĝi estas kvarmana, faltvizaĝa animalo, kun maltrankvile turniĝantaj okulgloboj sub la hirtaj brovoj. En la malantaŭa parto de ĝia kapo estas la cerbo, la organo de l' instinkto, kiu movas ĝiajn membrojn kaj plenumas ĉion, kio estas necesa, por ke nia praulo, la simio, restu en vivo: se la besto kaptas al siaj okuloj, ĝi fermas ilin, eĉ sen ĝia volo. La vivo elektas ĉi tiun beston por krei el ĝi perfektan. Oni devas evoluigi la organon de l' instinkto, por ke tio, kio estis ĝis nun senkonscia kaj meĥanika, fariĝu konscia kaj sinkontanta. Kelkaj jarmiloj, kaj la laboro sukcesas: en la kavo de la kranio malrapide ekevoluas la nova organo: la organo de la Konscio, kiu komprenas la eksterajn kaj internajn fenomenojn kaj kiu konformiĝas al tiuj ne en sonĝsimila nescio, sed ĉe la lumjetanta torĉo de la intelekto kaj volo. Kaj jen estas antaŭ ni la Homo, la Konscia Vivo, kiu sentas ĉiun ĝojon de l' ekzisto kaj subjugas la fortojn kasiĝantajn en la kruda kaj stulta materio por fari la vivon de la individuo plej bela kaj plej feliĉa kaj por ĝojkrii al la blua kaj fora ĉielo kaj al la leviĝanta suno!

Mia mastro atente aŭskultis min, mi rimarkis, ke precipe la unua parto de mia parolo lin interesis, kvankam mi preparis la efekton prefere por la fino. Timante, ke li eble ne bone komprenis min, mi volis prezenti la detalojn, sed li signofaris kaj poste el liaj vortoj mi vidis kun miro, ke li ekkaptis la esencon de miaj vortoj en la plej profunda senco, kaj dum kelkaj minutoj li vidis klare la tutan demandon, por kies kompreno ni bezonis kelkajn jarmilojn. Mi provas mallonge resumi lian respondon el la sekvanta ĉapitro.

(*Daŭrigota*)

El la hungara: *L. Totsche.*

# La ombro

— Verner von Heidenstam —

*(Fragmento el »Johannes Alienus«)*

Loĝis en Jerusalemo Johannes Alienus en mizera gastejo. Iun vesperon li longe staris ĉe la lukfenestro malfermita. Kiel malfacile estis ekdecidi ĝin fermi! Varmeta estis la aero, trankvila la urbo. La sudlanda lunlumo de l' nokto februara estis tiom hela, tiom forta, ke facile li povis legi la manskribitan disertajon, kiu kuŝis sur la fenestra tabulo.

Kontraŭflanke de la strato, inter la domoj, muro sin etendis, kaj sur la tero brulis fajro. Apud ĝi, en la rondo de kelkaj sinceraj disĉiploj kaj amikoj, Kristo sidis. Du pasojn malantaŭe, lia ombro desegniĝis, pligrandigita, sur la gigantaj murblokoj.

Tiam Johano, lia disĉiplo plej amata, distrite prenis nigriĝintan pecon da karbo kaj igis ĝin sekvi la liniojn de la ombro, ĝis li desegnis sur la muron la tutan figuron de la Sinjoro. Post tio li lasis fali la karbon kaj ekpartoprenis la interparolon.

La postan matenon, kiam Johannes Alienus denove staris ĉe la fenestro kaj vidis, kiel preterpasas la homoj, multaj haltis kaj rigardis la desegnajon sur la muro.

»Ŝi prezentas ŝuiston, ĉar li estas kurbdorsa«, diris ŝuisto.

»Sensencan parolon vi eligas el via buŝo«, respondis fruktvendisto. »Laŭ la kliniĝa sinteno oni klare vidas, ke tio estas fruktvendisto; oni nur forgesis desegni la surdorsan korbon. La duone malfermita buŝo ja montras, ke li krias: »Aĉetu granatojn! Venu kaj aĉetu!«

Eminenta membro de la Sinedrio, kiu preterpasis — kompreneble ne miksante sian voĉon en la paroltorenton de la ĉifonuloj — pensis en si: »Pro l' alta frunto mi ja komprenas, ke tio prezentas instruiton, filozofon. Oni povus ĝin preskaŭ kredi portreto de mi. Jes, plejkredeble estas mi mem. Ne malbone farita! Supozeble iu el la ĉifonuloj min desegnis; ĉiu ja konas min«.

Unu el la ĉeestantoj, dume, estis silente alproksimiĝinta al la desegnajo. Li estis viro bone vestita, kun milda kaj afabla vizaĝo, kiu memorigis pri tiu de infano. Neniu multe sciis pri li, neniu kroniko poste konservis lian nomon, ĉar modeste, izole li vivis, la bruon, la atenton timetante. Kun la manoj krucigitaj sur la globeto de sia bastono, li rigardis la desegnajon. »Kia nobla frunto!« li pensis. »Kian subliman humilecon montras la tuta aperajo! ho, se mi estus simila al ĉi tiu bildo! Sed — kial deziri ion tiel neeblan...«

Kiam li tie staris, humile kaj silente, li tiom frape similis la bildon, ke ĉiuj ekpaŝis malantaŭen kaj flustrante montris al li. Miregante li foriris, konfuzita, ne komprenante, kial ili rigardas post lin.

Li ne similis al Kristo, ĉar kiu tion povus; li nur lian ombron similis, nekonscie. Se li estus sciinta la similecon, se li, fiera pro ĝi, tromemfide estus levinta malantaŭen la kapon — tuj estus malaperinta la simileco.

El la sveda: *Magda Carlsson*

---

serĉantaj ekvilibron. Super ondoj same kiel ankaŭ super la solida herbokampo.

Salo kaj suno dismordas la vizaĝojn. Ili iĝas malglataj disfositaj, krudaj kaj brunaj. En la okulojn ŝteliĝas la maro maltrankvilanta inter la insuloj kaj tero. La insuloj, kiuj ekridas kun la unua ekbrilo de l' suno super ĝiaj montopintoj. La tero, kiu nude, malvarme kaj apatie atendas la tagon kaj sunon, elirontan por ĝin rosti kaj por sorbtrinki la malriĉajn sukojn. El la virinaj okuloj la maro eksternas tiun rideton, kiu regas aliloke en serenaj matenoj post la dolĉaj, ebriigaj kaj lacopremaj noktoj.

— *Kaj kien fornaĝis li, mia amato...*

La melodio ŝprucigas takton por remiloj kaj pensoj. Mutiĝis la ĥoro. Sentakte kaj senorde komencas faladi remiloj en la maron. Implikiĝas kaj kroĉhaltas la remiloj en la manoj de l' virinoj, ili interkruciĝas same kiel la pensoj, puŝitaj de la lasta kantverso en malordon...

La virinoj ne scias kien foriris la amatoj. Ili foriris malproksimen: en la malproksimajn mondojn, trans la nekonatajn marojn. Kion la amatoj tie faras, kion renkontas?

Pensas ĉiuj virinoj ĉe la remiloj: Kiun la amatoj renkontas en la malproksima fremdlando? Neniam iu rakontos tion al ili. Neniam iu priskribos al ili la virinajn vizaĝojn kaj korpojn, kiuj fleksiĝas al la vizaĝoj kaj korpoj de iliaj »karuloj-amatoj«...

— Hej virinoj, kien flugis la saĝo? — reobriĝis iu.

— Iu remfrapas vendrede, iu sabate... Kiam ni, pro Dio, atingos tiel la bordon?

Skuiĝis la virinaj korpoj sub la griza, rigida ŝtofo kaj okulfiksiĝis al la terpeco antaŭ si.

Trankvile, malvarme, nigre kaj apatie ĝi etendiĝis antaŭ ili kaj indiferente ilin atendis...

— Nu Mara Ivan-edzino, ploras via infano...

— Jes ja, ankaŭ la mia...

Du virinoj eltiris la remilojn kaj amble, sin apogante sur la randon de la barko, alvenis al la pruo. Levinte la etajn vivaĵojn en ĉifonoj, ili sensente, senkore malbutonis siajn mamojn kaj puŝis la pintojn en la etajn buŝojn, disfenditajn de ploro...

La infanoj trankviliĝis en la varmo de l' brustoj, la rigardoj de l' patrinoj dronis laŭ la maro en nekonatecon.

Antaŭ tria virino fluis ŝpruceto de akvo. Ĉiuj ĝin rimarkis, sed neniu atentis. La virino persiste kaj mu'e remis kvazaŭ nenio estus okazinta... La malrapida barketo pene glitetis al la tero, kiu ĝis nun ne ŝanĝis la malserenan aspekton...

— Kiam ni, ho mizeraj, enplantos sufiĉon da vinarbetoj...

— Ĉiam nur arbeton post arbeto... diris Mara, la Ivanedzino...

— Ankaŭ mi plantis tiel. Ankoraŭ nur sepcent... Sepcent? Ĝuste ĝis mi maljuniĝos kvankam mi eĉ ne junis. Tri filojn mi edukis al la edzo, kvar mil vinarbetojn mi al li enplantis. Nun kiam li revenos, li trovos min maljuna...

— Ankaŭ li ne plu estos juna...

— Vere ne, malfeliĉa, forbrulis li ĉe ŝipkaldronoj, sed tamen: li estas viro...

Lastfoje li estis ĉi tie je la Patrinfesto. Li venis, min okulfiksis, kvazaŭ li min ne rekonus. Nur rigardas kaj silentas. Liaj lipoj tremetas, sed eĉ vorton li ne diris. Apenaŭ hejme li ekparolis, kiam al lia kolo brakpendiĝis ĉiuj tri friponetoj. Nenion li diris al mi', nek kolere, nek insulte... Jene:

— Ĉu vi manĝus, edzo?

— Manĝus...

— Ĉu vi dormemas, edzo?

— Dormemas...

Mi vidas sur li, ke li suferas. Li serĉas ion belan por diri al mi, li ankaŭ volas, sed nenion li trovas. Nur ekrigardas min kaj forturnas la kapon. Ankaŭ ekridetas al mi, sed mi vidas, ke io al li doloras... Sep

tagojn li restis, sed ĝojiĝis nur kiam li ekŝipis.

— Eble li lasis ion en la mondo?

— Ĉiuj al mi diras: Li iras nenien, neniam li forlasas la ŝipon. Jam multe da mono li sendis al mi. Mi aĉetis surtere tian vinberejon, ke mi povas ĝin trairi apenaŭ ĝis la tagmezo. Tutan vinarbaron mi kreskigis en ĝi. Mia estas la laboro kaj lia la mono... Jen, kiel estas.

— Kaj kion vi pensas, kial estas tiel?

— Forpasis lia kaj mia juneco antaŭ ol ni satĝuis ilin.

— Puŝu virinoj... por moviĝi. Puŝu...

— *Hoj maro profunda, vi mia feliĉo,*

— *Hoj maro profunda, vi mia ĝojriĉo.*

La barko pli rapide tranĉis la maron, fendis ondetojn kaj impete moviĝis. Post ĝi restis la insuloj ĉiam pli helaj, ĉiam pli ĝojaj. La suno pli kaj pli penetradis el post la montoj kaj per ĉiam pli densaj radioj ĉirkaŭbanis la insulojn. Ĝi donadis al ili kanton kaj brilon. Sub ĝi baniĝis la trankvilaj vilaĝoj sub malaltaj sonorilejoj, la blankaj domoj sub blankigitaj tegmentoj.

Estas tio insuloj de la virinoj. Kelkcent samaj barketoj, jen la tuta loĝantaro de la insuloj. La viroj forestas. Ŝiphejtistoj ili estas. Brulkonsumiĝas ĉe l' fajro kaj foje-foje skribas leterojn.

— Nur kvincent vinarbetojn pli.

— Nur mil pli.

— Por ronde kompletigi kvin mil.

La edzoj skribas leterojn kaj pensas pri la novaj vinberejoj, kiujn ili ne konas, kiujn ili ne vidis, dezirante, ke iun someron en la vinberejoj ili satĝuu kaj dolĉe surpriziĝu. Nur pri la vinberejoj ili pensas. Preskaŭ neniam pri la vizaĝoj kaj korpoj de l' edzinoj, hejme remantaj.

Sed la edzinoj pensas pri ili. En la pensoj forpasas ilia juneco plena de sopiro neniam satigita, plena de flamo neniam disfajrigita, plena de pasioj neniam pripentitaj.

Tiuj ĉi grandaj insuloj estas ja nenio alia ol strangaj monaĥinejoj, en kiuj oni nur spirite amas, sopiras, forbrulas kaj velkas. En kiuj inertiĝas la tendenoj, kvankam neniu ilin sufiĉe disstreĉis. La inertiĝintaj mamoj velkpendiĝas ne sub karesoj kaj palpspasmo de l' ekstazo, sed sub ŝarĝo de la traŝvitita kaj sekiĝinta tolaĵo kaj sub ŝarĝo de la krudaj, grizaj ŝtofoj... Perdiĝas flamo de l' okuloj, elsuĉas ĝin la maro...

Strangaj monaĥinejoj, kie la tuta vivo forpasas en projekcio. La virinoj subtile sin ligas kaj premkroĉas al io konkreta en la nekonata malproksimo. Oni atendas, sed ne ĝisatendas.

La virinoj pensas pri la edzoj. El la propraj korpoj tiuj pensoj logvokas junecon, ardon kaj sopiron. La korpoj velkas, dolorbaraktas kaj iĝas nigraj, sensukaj, malgraciaj torsoj. La korpoj de l' virinoj transformiĝas en ruinojn kaj rubojn, sed la animoj inspiras, fortiĝas kaj suĉsorbas ĉion.

Estas tio insuloj de la nudaj virinaj animoj, kiujn neniu admiras, antaŭ kiuj fleksiĝas nenies genuo kaj deliras nenies frazo. Ankaŭ nenies lango lambalbutas serĉante frazon, kiu alflatus plibelon pri la malplibelo.

La virinoj pensas pri la edzoj.

Dum la virino ĉe l' remilo parolis pri konduto de la edzo post la reveno:

— Ĉu vi manĝus, edzo?

— Manĝus.

— Ĉu vi dormemas, edzo?

— Dormemas.

Mara, la Ivan-edzino, ekrigardis la virinon ĉe la remilo. Ŝi vidis la vizaĝon, kiun dismordis ŝvito, la haŭton, kiun displugis kaj faltigis mar-salo kaj suno. Ŝi vidis la krudan, malmolan ŝtofon, forglutintan ĉiujn fleksojn, kunligojn kaj rondaĵojn de la korpo. Vidinte ĉion, al ŝi ŝajnis tute komprenebla tio, kion la virino rakontas.

— Kion alian ja povus diri la amato...

— Ĉu li karesu ŝin laŭvizaĝe?

— Ĉu li saltu en ŝiajn okulojn kaj en ili baniĝu nude, sen la rido kaj delikateco?

---

## NUBO

— Dobriŝa Cesarić —

*Dum sunsubir' neatendite,*
*De ĉiuj homoj forgesita,*
*Aperis super urbo glite*
*Nub' ermita*

*La vento ĝin en alto lulis*
*Kaj ĝi komencis ardi ruĝe,*
*Sed, homokuloj, la zorgemaj*
*Fiksis teran vivon juĝe*

*Kaj ĉiuj apartvoje iris*
*Por pan', potenco, aŭ mon-cele*
*Nur ĝi — sangruĝa kaj beleca —*
*Traĉiele*

*La nubo, ĉiam pli altfluge,*
*Ŝajnis: Dion tuŝos move;*
*La vento ĝin altece lulis,*
*La vento ĝin dispuŝis blove*

El la kroata: *Josip Velebit*



Jan Wils: *Loĝdomoj en Hago*

— Ĉu li aŭskultu ŝian lacetrenan rakontadon: kiel viciĝas miloj da vinarbetoj...

Per la spiritaj okuloj Mara nun ekobservis sin mem kaj trovis, ke ĉe ŝi estas ĉio bonorda, ĉio sama kaj tia, kia ĝi estis tiam... Tiam, kiam li parolis, parolis, flustre ebriigante ŝin kaj sin. Kiam li estis laciĝita de l' feliĉo kaj dormema pro laceco.

— Tio ne ŝanĝiĝis. Mi estas tute sama, tia...

Li denove venos. Li venos je la Kristnasko aŭ ĝuste en la printempo. Oni ja ne maljuniĝas en unu jaro. Estos ĉio kiel iam...

Mara frapadis per remilo kaj verve remrezistis. Edifis ŝin la konvinko, flugportis la konscio...

— Abisme malfeliĉa ŝi estus kun edzo, kia tiu de l'virino.

Ŝi pensis pri nur kelkaj semajnoj en la kuna vivo, travivita de post la edziĝo ĝis lia foriro. Ne povas Ivan ŝanĝiĝi, ŝi eltrovis... Fine ŝi eltrovis ankaŭ ke la virino ĉe l' remilo estas maljuna, jam patrino de kvaropo kaj delonge, tre delonge, edziniĝinta. Ŝia edzo ŝipadis. Hejmen li revenadis tre malofte, kaj tre tre malmulte da mono li alsendis. La vilaĝo lin ne taksas ne kalkulas al la plej diligentaj. Dume Ivan-on ĉiuj laŭdas konfesante liajn sukcesojn. Ivan jam sendis tiom da mono, ke la vilaĝo ne povas sufiĉe miri.

La barketo albordiĝis ĉe la malgranda kajo. La virinoj altiris la barkonazon sur sablajon kaj elĵetis el ĝi pioĉon, ĉifonojn, vinarbajn palisetojn kaj vazetojn por trinkakvo...

Oni laboris hodiaŭ ĉe Mara, la Ivan-edzino. Ŝi antaŭe helpadis al ĉi tiuj virinoj kaj nun la virinoj redonas la depruntitajn tagojn...

Studobservinte la ĉielon, la virinoj ekiris for de la bordo.

— Ne estos varmo hodiaŭ.

— Ankaŭ ne tempesto ...

— La tutan tagon ni laboros kaj vespere dum la mistralo ni reŝipos al la insulo.

Ili laboris la tutan tagon. La tutan tagon klinĝibiĝis la virinaj korpoj, rompiĝis, ŝvitis kaj ŝvithaladzis. La tutan tagon ŝvito manĝadis la tendenojn, kunligojn, haŭton kaj porojn, gluis harojn al la kranioj, submordante la radikojn. Krudaj, ŝvitsorbaj ĉifonoj ventflugis ĉirkaŭ la torsoj, premfrotis, ĉifis kaj disstreĉadis la mamojn.

Ĉe l' tagmezo alvenis de la insulo iu ŝipo.

Tra la vinberejoj disportiĝis onidiro:

— Venis la edzo de Mara la Ivan-edzino...

— Subite. Ŝi eĉ ne esperis...

— Estos ĝoje, parolis la vinberejoj.

Mara, la edzino de Ivan aŭdis tion lasta. Apenaŭ vespere atingis ŝin la onidiro. Venis ŝvita kaj spirblova virino:

— Mara... — dispeciĝis ŝia voĉo

— ?

— Via Ivan alvenis...

— Kie li estas? — ŝi konsterniĝis.

— Hejme, sur la insulo. Li alvaporŝipis el Preka. Tiel bela kaj ruĝvanga li estas.

— Ĉu li ion diris, igis komuniki?

La virino nenion sciis. Ŝi lin ne vidis, ŝi nur tiel aŭdis de virino lin vidinta.

Mara plulaboris, ĝis la suno sin klinis al la maro. Revenante ŝi petis la virinojn pli forte rempuŝi. Momente-momente ŝi ekkantis por la takto: Hoj maro profunda...

— Kien vi ja rapidigas, Mara, ni mortaĉos... protestis la virinoj senridete.

— Se vin iu atendas, nin neniu.

— Ankaŭ ni rompfleksiĝus, sed kia utilo al ni...

— Nu puŝu, virinoj, vi ja scias, kiel estas.

La virinoj denove plipuŝis la remilojn.

Mara estis feliĉa, kiam ŝi ne trovis la edzon hejme. Oni diris al ŝi, ke li estas kun maljunuloj en la preĝejo kaj rigardas la novan altaron, por kiu ankaŭ li mon-oferis. Rapide sin ĵetis Mara al laboro. Unue ŝi sin lavis, transvestis kaj satigis la etan pufvangulon, sanan pro forta sango, brunigitan de l' suno kaj marsalo.

La etulo sate kaj kontente pepadis fingroludante en la lulilo.

Mara rapide sin aranĝadis. Ŝi lavis ĉion, pri kio pensas la insulvirinoj, ke ĝi devas esti pura: la manojn, vizaĝon kaj krurojn ĝis la genuoj. Ĝis tie makulas koto kaj polvo. Ŝi surmetis la veston, en kiu ŝi dimanĉe vizitas la meson kaj vesperlitanion. La ĉifitan, maldensan kaj mallongan hararon Mara plektaranĝis tiom, ke ŝi mem estis kontenta. Pri ĉio ŝi estis kontenta, sed pleje, ke ĉio estis finordita antaŭ ol Ivan sukcesis reveni.

Ŝi sciis, ke oni diros al Ivan, ke ilia barko rehejmiĝis kaj Mara revenis de la tero, el la novaj vinberejoj.

Maltrankvile kaj ekscitite ŝi atendis, ke Ivan revenu, ke ŝi lin ekvidu post tiom da tempo. Ke ŝi vidu la ridetantajn okulojn, ke ŝi aŭdu la ŝanceliĝan flustron. Tiun rideton de la okuloj kaj tiun flustron de la lipoj, kiujn li kiel junulo kaj junedzo ĉiam donace portis al ŝi.

Mara atendis la revenon. Atendis ŝi la revenon de la vizaĝo kaj rideto, kiujn ŝi tiom longe ne vidis, ne ĝusentis. Ŝi atendis konvulsie kaj maltrankvile en ekscitiĝo kaj feliĉo, kiun ŝi povis nek ĉirkaŭkapti, nek esprimi. La unua reveno post la disiĝo! Kaj ili disiĝis jam la trian semajnon post la edziĝo!

Ŝi memorfiksis la foriron kaj ĉiu ĝia parteto ankoraŭ vivspiris kaj odoris. Per tiuj partetoj ŝi vivis ĝis hodiaŭ. En ili Ivan restis juna, bela, delikata, kun rideto en la okuloj, sur la lipoj. Kaj ŝi ronda, svelta, fleksema kaj bela, tiom bela, ke li, entuziasma, havis tempon por paroli nur pri tiu ŝia beleco: pri la korpo blanka kiel ĉe la marfeino, pri la okuloj, kiuj amkaresas, pri la buŝo, kiu bonodoras. Li parolante ne avaris vortojn. Sed ne estis tro da ili: nur kiom necesis por esprimi la entuziasmon kaj sentojn.

— Mi devas foriri. Kiam mi revenos, neniam plu mi foriros. Ĉe vi mi restos, Mara... Nun li revenis. Nun li nenien foriros.

— La reveno sen la disiĝo...

Sin mem vokserĉis Mara kaj dronigis en tiun grandan, abisman kaj senliman dolĉajon: la reveno sen la disiĝo.

— Nur venu li ankoraŭ dum helo. En taghelo oni ja pli bone vidas.

Li ankaŭ venis dum la taghelo, ĵus ombriĝanta antaŭ la krepusko.

— Mara! — Ĝojkriis li ĉe l' sojlo kaj ekhaltis.

Senvorte, senmove li restis en la pordo kaj rigardis la edzinon. Li penis sin movi, li klinis la korpon antaŭen, sed la kruroj ne obeas...

Ĉirkaŭprene li streĉis la brakojn, sed ili propramove falas teren. Ne obeas...

— Via farto, Mara? Vi estas laca ... mi scias. Rompita de laceco, mi vidas, — diris Ivan post longa lukto kun la lango.

Mallongaj, rigidaj, rezistaj kaj ribelemaj paŝoj

# MIA ANGULO

— JULIO BAGHY —

LA REORGANIZO

La ŝipo de la »reorganiza« afero velas sur paca maro. Oni elverŝis ĉiun oleon de Bonvolo sur la minacajn ondojn kaj nun la problemo ŝajnas esti solvita. Dum la pasinta jaro mi ricevis kelkajn leterojn el diversaj landoj. Tiuj leteroj esprimis miron pri mia konduto en la batalo. »Kial via silento?« Preskaŭ en ĉiu letero troviĝis la sama demando. Simple pro tio mi ne alparolis plu la temon, ĉar mi ne sentis min kompetenta en la administracia aranĝo de la afero. Krome — laŭ mia ĉiama opinio — la reorganizo ne formas nur administracian problemon, sed fakte la administracio estas nur duaranga en ĝi por sukcesigi, fortikigi la movadon. La administracio povas esti perfekta, tamen la prospero forestas. Ĝuste la hodiaŭa situacio de la mondo pruvas tion. La burokratismo perfekte povas registri la — krizon.

Estas for de mi la penso vipi la serenan kaj optimistan humoron. Kiu semas dubon, tiu rikoltas pesimismon. Kaj mi ne dubas, ke la nuna bazo (U. E. A.) havas tiujn faktorojn, kiuj estas necesaj por sugesti ideojn kaj efektivigi laborplanon. La »Kontrakto de Kolonjo« donas esperon por la estonteco, se ĝi ne dronos en la maron de nuraj registrado kaj administrado. Eminentaj subskribintoj garantias ĝian gravecon . . . Sed . . . . Jes! S e d ĝi solvis nur la unuecigon de la administracio kaj prisilentas la ceterajn kaj gravajn problemojn de la movado. Mi tre bone scias, ke en tia kontrakto oni ne povas detaligi, sed — tre bedaŭrinde — dum la tuta diskutplena jaro oni vole aŭ nevole forgesis eĉ mencii tiujn faktorojn, kiuj formas la esencon de la movado kaj sen kiuj faktoroj la unuecigita administracio povos registri nur — daŭran krizon de la neŭtrala movado.

En Parizo kelkaj el la reorganiza komitato promesis al mi — sen mia speciala peto — serioze konsideri tiujn proponojn, kiujn mi kolektite prezentis tiutempe en mia Publika Letero al la Esperantistaro. Mi ĝojas, ke almenaŭ unu estis priatentata, nome, la konservo de UEA. Tiel restis ebleco, ke iom post iom la atento altiriĝos ankaŭ al proponoj, kiuj celis la internan vivon de la esperantistaro.

Jam pli ol dudek jarojn mi pasigas aktive laboranta por nia afero kaj dum tiu tempo mi havis okazon konatiĝi kun la bezonoj de nia centmiena movado. Por bone direkti ĝin ne sufiĉas sole la administracia unuecigo, sed oni devos klopodi sur »idea« bazo e d u k i l a a d e p t o n.

La »Kontrakto de Kolonjo« sendube estas la unua kaj plej grava paŝo sur la nova vojo. Nun ni atendas la duan paŝon; la r e o r g a n i z a n l a b o r o n en la kadro de tiu kontrakto. Ni atendas, ke la gvidantoj turnu pli da atento al la problemoj de »k v a n t o kaj k v a l i t o«. Ĝis nun ĝuste la neglekto de tiuj ĉi problemoj peziĝis balaste sur la prosperon kaj nur dank' al sinofere entuziasmaj adeptoj nia afero ne subiĝis en la ŝlimon de la nenifaro.

Mi kaj ankoraŭ tre multaj estas konvinkitaj, ke la nunaj gvidantoj havas talenton kaj kuraĝon por prosperigi nian kulturaferon. Ili dediĉos sin de nun ne sole al la kontorlibroj (Tio estas ja necesa!), sed bonvole kaj helpdone interesiĝos ankaŭ pri ceteraj problemoj, kiuj same estas gravaj por la sana evoluo. Ni esperas baldaŭ havi antaŭ ni ne nur la tekston de la »Kontrakto de Kolonjo«, sed almenaŭ la resuman l a b o r p r o g r a m o n por la jaro 1934. Sen ĝi la tuta reorganiza afero restos nur administracia sukceso — s u r p a p e r a.

---

alportis lin al ŝi, li palpserĉis ŝian dekstran manon kaj lipe la frunton . . .

— Ho kompatinda, ho martirino . . . li parolis malfacile, tranĉe kaj kun multe da doloro.

En la okuloj ne plu estis rideto. Ili rigardis Mara-n kvazaŭ ili neniam ŝin alridetus. Ili rigardis ŝin kvazaŭ ili unuafoje rigardus fremdan virinon, kiu nek entuziasmigas, nek ebriigas . . .

— Mortigis vin laboro, ho kompatinda! Nu kaj kie la etulo?

La etulo jus sin gargare krianoncis. Per la sama paŝo, plena de singardo kaj skeptikeco, li klinis sin super la lulilon kaj rigardfiksiĝis . . .

— Paŭlĉjo!

— Kaŭ, kaŭ . . . pepis la etulo.

— Vi jam parolas ion al mi, Paŭlĉjo, ĉu?

— Samamo . . . tu . . .

— Aŭdu, aŭdu . . . lin . . . Ivan prenis la etulon kaj alpremis al la malhela, sunbruna vizaĝo. — Ĉarma knabeto. Pli bela ol iam mi supozis. Belega li estas — Paŭlĉjo, dolĉa mia Paŭlĉjo.

La tutan kundensigitan kaj delonge kolektitan dorlotemon elŝutis la nigra maristo sur la etulon en ĉifonoj. La okuloj ridetis larĝe, mole kaj velure. La lipoj flustretis ardajn frazojn, senorde, senlige kaj sencele.

Ankaŭ Mara alpaŝis por ekkaresi la etulon. Kaj kiam ŝi etendis la nigrajn, malmolajn, ostajn manojn, kiuj ĉe la glata infanhaŭto dolorkriis teruran kaj malagrablan kontraston, ekmovis sin Ivan . . .

— Ankaŭ la etulo vin lacigadis. Ankaŭ al li vi oferdonis multe de via juneco . . . Al siaj lipoj altiris Ivan la kapon de Mara kaj kiskovris la ŝiritan, taŭzitan hararon.

Mara sentis tiujn kisojn, kvazaŭ sur ŝin pluvus liaj brogaj larmoj. Neniam li tiel kisis. Tiel oni ja kisas nur suferulojn, iam ankaŭ la mortintojn . . .

Ivan ekparolis pri la mondo kaj malproksimaj maroj. Li rakontadis al ŝi dolorojn kaj plezurojn de la maro. Pri ĉio li parolis, sed pri ŝi mem eĉ ne vorteton. Iam-iam eksilentinte li observis ŝian vizaĝon, displugitan de la suno, ŝvito kaj mar-salo. Suferigis lin ŝiaj neregulaj, langvoraj paŝoj, senvivecaj kaj sendancaj movoj de la malmola ŝtofo. Frostiĝintaj, rigidaj, ŝtonaj movoj.

— Survestu ĉi tion, ĉi tion . . . li elpakadis iajn urbajn vestojn dezirante, ke ŝi ilin vestu plej baldaŭ. Ne bone ili konvenis estante ne por ŝi fasonitaj. Ankaŭ ili iĝis senparolaj kaj rigidaj.

— Necese, ke vi iom alfasonu, kudroĝustigu.

Li mem helpadis al ŝi laŭarangi la ĉifonojn, sed ili ne gluordiĝis sur la rompita korpo, sur la langvora, detruita torso.

Ankaŭ odorakvon li alportis al ŝi, sed ĝi sur Mara ne odoris tiel, kiel sur aliaj. Sur tiuj, sur kiuj li tion flarĝuis.

Li postulis, ke ŝi sin plenbanu certigante, ke bano estas nepre necesa post ŝvitlaciga laboro. Ili, la maristoj, ĉiam devas sin bani post laboro. Tio ĉiam freŝigas kaj plijunigas la homon.

— Tiom plijunigas, ke mi ekdancus. Tiel ŝvelforta, juna kaj malpeza mi estas post la baniĝo!

Mara neniam tion provis. Sed se Ivan dezirus, ŝi saltus eĉ en glacian maron. Ŝi foriris kaj sin elbanis. Sape elbanis . . .

# Homaro kaj naturo

— Maxim Gorki —

Inter neĝkovrataj montoj profunde kuŝas ĉielblua lago. Kiel reto, la faldoj de la ĝardenoj, hele kolorigitaj, falas al la akvo. Blankaj domoj, kiel sukerpecoj rigardadas malsupren de la bordo en la lagon; la ĉirkaŭaĵo estas kvieta kaj paca kiel dormanta infano.

Estas matene. Odoro de floroj venas de la montoj sur milda vento. La suno ĵus leviĝis, la roso ankoraŭ briletas sur la arbfolioj. La vojo, griza rubando, penetras tra la kvieta montfendego — vojo ŝtonpavimita, tamen tiel veluraspekta, ke oni deziras ĝin karesi.

Apud amaso de ŝtonoj sidas laboristo, simila al malhela skarabo: sur la brusto troviĝas medalo; lia esprimo estas serioza, forta, tamen afabla.

Metante la sunbruligitajn manojn sur la genuojn, li esploris la vizaĝon de la preterpasanto, haltinta sub la ombro de kaŝtanarbo, kaj diras:

— Jen la montaro Simplon, sinjoro, kaj mi ricevis ĉi tiun medalon pro mia laboro dum la konstruo de la Simplon-tunelo.

Silente li rigardas kaj ridetas al la brilanta medalo.

— Ja, ĉia laboro estas dura en la komenco ĝis oni alkutimiĝas, sed poste ĝi fariĝas ordinara kaj facila. Sed, vere, ĝi estis ja malfacila tasko!

Li iomete skuas la kapon kaj ridetas al la suno; tiam li subite haltas kaj mansignas, la nigraj okuloj ekbrilas.

Kelkfoje mi timis — sendube la tero posedas sentkapablon, ĉu ne? Kiam ni subteriĝis ĝis granda profundeco, kiam mi faris gravan vundon en la monto, *ŝi nin akceptis kruele.* Ŝi spiris varmege sur nin kaj haltigis la batadon de la koroj, kapturnigis nin kaj dolorigis la ostojn. Multaj tion spertis. Tiam la patrina tero elverŝis ŝtonojn sur siajn infanojn, elverŝis varmegan akvon super nin; ja, tiam mi timis, sinjoro! Kelkfoje, la akvo sub la torĉlumo ruĝiĝis kaj la patro diris al mi, ke mi vundas la teron — »pro tio ŝi dronigos nin, kaj per sia sango bruligos ĉiujn — vi certe tion vidos.«

— Eble tio nur estis imago, sed kiam oni aŭdas tiajn vortojn el la profundaj intestoj de la tero, en la malseka kaj sufokanta mallumo, inter la morna plaŭdado de l' akvo kaj la grincado de fero kontraŭ ŝtono — tiam oni forgesas, kiom oni fantazias! Ĉar ĉio estis fantazia tie, kara sinjoro: ni homoj estis tiel malfortaj kaj la monto, en kies internaĵon ni boris, ŝajne suprenleviĝas ĝis la ĉielo. Necesas vidi por kompreni! Necesas, ke oni vidu la grandan faŭkon, elboritan de la malfortuloj, kiuj ĝin eniris je sunsubiro! kaj kiel melankolie la suno rigardas post tiuj kiuj lin forlasas por iri en la intestojn de l' tero! Necesas ke oni vidu niajn maŝinojn kaj la timigan vizaĝon de la monto, ke oni aŭdu en ĝi tondrajn murmurojn kaj la eksplodon similan al sovaĝa ridaĉo de frenezulo.

Li rigardas la manojn, ĝustigas la medalon sur sia blua bluzo kaj ĝemspiras.

— La homoj kapablas labori! — li daŭrigas, kun plena fiero. — Jes, sinjoro, la malfortulo, kiam li vere volas labori, estas nevenkebla forto! »kaj kredu min; — finfine, la malfortulo faros ĉion, kion li volas. Komence la patro ne kredis je tio.

— »Tratranĉi monton de lando al lando«, li diris, »jen, kio estas kontraŭ la volo de Dio, kiu apartigis landojn per montmuroj; vi vidos ke la Dipatrino ne benos nin!« La maljunulo eraris; la Dipatrino benas ĉiun, kiu amas ŝin.

— Poste la patro kredis same kiel mi nun kredas kaj konfesas al vi, ĉar li sentis sin pli granda kaj pli forta ol la monto; sed estis tempo, kiam sidante ĉe tablo kun botelo da vino, li rakontis al mi kaj aliaj:

— »Infanoj de Dio« — tio estis lia plejŝatata diraĵo, ĉar li estis ĝentila viro — »Infanoj de Dio, vi ne rajtas batali kontraŭ la tero tiamaniere; ŝi venĝos sin pro siaj vundoj kaj restos nevenkebla! Vi vidos: kiam ni penetros tra la montaro ĝis la koro, kiam ni tuŝos la koron, ĝi bruligos nin, ĝi ĵetegos fajron sur nin, ĉar la koro de la tero estas fajra — ĉiu scias tion! Kulturi la grundon signifas helpi ĝin naskigi — oni instruas nin fari tion; sed nun ni detruas ĝian fizionomion, ĝian formon. Vidu! Ju pli profunden ni fosas en la monton, des pli varma fariĝas la aero kaj des pli malfacile estas spiri.«

La viro ridas kviete kaj kirlas la lipharojn per ambaŭ manoj.

— Ne nur li opiniis tion, kaj li estis prava; ju pli ni pluiris en la tunelon, des pli varma fariĝis la aero, kaj homoj falis senfortigite kaj svenis. Akvo elsprucis subite el la varmegaj fontoj, tutaj vejnoj de la tero malsuprenfalis, kaj du el niaj kamaradoj de Lugano freneziĝis. Nokte en la kazerno multaj el ni babilis dum deliro, ĝemis kaj sidiĝis sur la litoj pro teruro.

— »Ĉu mi ne estas prava?« diris la patro, kun timo en la okuloj, tusanta pli kaj pli raŭke — jes, sinjoro! »Ĉu mi ne estas prava? li diris. Ŝi estas nevenkebla, la tero.«

— Fine, la maljunulo kuŝiĝis lastafoje. Li estis tre forta, mia maljunulo; dum pli ol tri semajnoj li brave luktis kontraŭ la morto, kiel homo konanta sian valoron kaj neniam plendanta.

---

Li petis, ke ŝi por momento sin ne vestu.

Akvo faris nenion. La korpo diskuris en senformiĝon: nigra, osteca, taŭzita. Ĉiuj tendenoj rompitaj sensvele falpendis. La mamoj plenkriple pezis teren. Ĉio sin klinis teren. Nek io burĝonis, nek io spitis. Ĉio rompita, dolorpenda kaj humiligita . . .

Mara rimarkis en la okuloj de Ivan doloron kaj malkontenton. Li estis afliktita kaj nedireble malfeliĉa.

— Vestu vin, — li petis . . .

Ŝi sentis, ke li petas, ke ŝi sin kovru, kaŝu . . .

Li regalis ŝin per sukeraĵoj kaj plenaj boteloj. Sindevige li klopodis esti bona kaj kompleza; multe li interesiĝis pri la vinberejoj.

Ŝi diris, ke ili estas vastaj kaj bonprosperaj.

— Eĉ pli vastaj, pli vastaj ili estu . . . Nia Paŭlĉjo havu vastajn vinberejojn kaj estu riĉa mastro, por ke li ne devu — kiel lia patro — dronigi en la maron: la junecon, ĝojon kaj edzinon. Almenaŭ li restu hejme kaj ĝissate junulu . . .

— Tuj mi iros. La dimanĉon mi iros, post kvar tagoj mi foriros . . .

Mara ne petis, ke li restu. Ŝi ja havis tute klaran senton kaj senerare ŝi vidis:

— Jen la disiĝo, sed sen la reveno . . .

Kun aŭtora permeso el la kroata: *Ivo Rotkvič.*

— »Mia laboro estas finita« li diris al mi ofte dum la nokto. »Zorgu pri vi mem kaj reiru hejmen; lasu al la Dipatrino gvidi vin!«

— Tiam li silentiĝis por longa tempo; li kovris la vizaĝon kaj preskaŭ sufokiĝis.

La homo staras, rigardas al la montoj kaj sin strecas tiel forte ke la tendenoj krakas. — Li prenis mian manon, tiris min al si kaj diris — estas la solena vero, sinjoro.

— »Ĉu vi scias Paolo, mia filo, spite ĉion, mi kredas ke oni tion faros: ni kaj tiuj, kiuj antaŭenvenas de la alia flanko, renkontiĝos sub la monto, ni renkontiĝos — ĉu vi kredas?«

— Mi ja kredis, sinjoro.

— Do, filo, vi devas: ĉio devas esti farata kun forta kredo je feliĉa fino kaj je Dio, kiu helpas bonajn homojn per la preĝoj de la Dipatrino. Mi petegas vin, mia filo, se tio okazos, se la homoj renkontiĝos, venu al mia tombo kaj diru: »Patro, estas farite« por ke mi sciu!«

— Estis bone, kara sinjoro, mi promesis al li. Li mortis kvin tagojn post miaj vortoj, kaj du tagojn antaŭ ol li mortis, li petis min, ke mi enterigu lin ĉe la loko, kie li lastafoje laboris en la tunelo. Li preĝis, sed mi opiniis, ke tio estis dum deliro.

— Mi kaj la aliaj kiuj venis de la kontraŭa flanko renkontiĝis sub la monto dektri semajnojn post la morto de la patro — estis freneziga tago, sinjoro! Kiam ni aŭdis tie, sub la tero en la mallumo, la bruon de la laboristoj, la bruon de tiuj venintaj por renkonti nin sub la tero — vi komprenas, sinjoro, sub la grandega pezo de la tero, kiu povus tuj dispremi nin, etulaĉojn, se ĝi nur scius!

— Dum multaj tagoj ni aŭdis tiujn rulsonojn, ĉiun tagon ilin fariĝis pli kaj pli laŭtaj, pli kaj pli klaraj, kaj la ĝojo de venko frenezigis nin — ni demone laboris, kiel senkorpuloj, ne sentantaj lacecon, ne bezonantaj instrukciojn — vere estis bone, kiel danco dum sunbrila tago! Ni ĉiuj fariĝis bonaj kaj ĝentilaj al unu la alia kiel estas infanoj. Se vi nur scius, kiel forta, kiel intense pasia estas la deziro: renkonti homon en tiu mallumo sub la tero, en kiun oni estas penetrinta dum multaj longe daŭrantaj monatoj.

Lia vizaĝo ruĝiĝas, li proksimiĝas al la aŭskultanto, esploras lian vizaĝon per brulantaj okuloj, kaj daŭrigas trankvile kaj ĝoje:

— Kiam la lasta muro finfine dispeciĝis, kaj tra la aperturo aperis la nigra lumo de torĉo kaj malhela vizaĝo larmkovrita pro ĝojo, kaj poste alia vizaĝo — pli da torĉoj — pli da vizaĝoj — krioj de venko resonis, krioj de ĝojo! Ja, estis la plej bela tago de la vivo, kaj kiam mi pripensas, mi sentas, ke mi ne vivas vane! Estis laboro, mia laboro, sankta laboro, sinjoro, mi diras al vi — jes! — jes!, ni kisis la venkitan monton, kisis la teron — tiun tagon mi pli ol antaŭe amis la teron sinjoro, mi enamiĝis al ĝi, kvazaŭ al virino!

— Komprenebla, mi iris al la patro! Komprenebla — kvankam mi ne scias, ĉu la mortintoj povas aŭdi — sed mi iris — oni devas respekti la dezirojn de tiuj, kiuj pene laboris por ni kaj kiuj suferis ne malpli ol ni suferas — ĉu ne, sinjoro?«

— Jes, jes, mi iris al lia tombo, frapis per la piedo la teron kaj diris, kiel li deziris:

— »Patro — estas farite!« mi diris, »la homoj venkis. Estas farite, patro!«

*(B. M. Newell.)*



Jan Wils: *Amsterdama stadiono (irejo al starlokoj)*



# OBSERVO

NOBEL.

(X.) Antaŭ cent jaroj naskiĝis Alfred Nobel, aŭtoro de la famekonata testamento, kiu disdonigas jare kvin grasajn monpremiojn. Unu el la premioj »estu donata al tiu, kiu faris en la pasinta jaro la plej bonan verkon en la kampo de literaturo en *idealisma* direkto.«

Ĉi tiu »idealisma« kondiĉo estas komprenebla, ĉar Nobel dum sia vivo ne ŝatis la realisman literaturon. Zola ne estis amata de li kaj li fakte abomenis la tutan naturalisman direkton. Sed lin ravis Ibsen, precipe per sia Peer Gynt; grandan efikon havis al li la verkoj de Björnson kaj, el liaj svedaj samtempuloj, Selma Lagerlöf kaj Viktor Rydberg. Inter la francoj lia favorato estis Hugo, kun kiu, cetere, dum sia pariza vivo, li havis personan kaj amikan interrilaton.

Dum sia junaĝo ankaŭ Nobel mem longe ŝanceliĝis, ĉu li dediĉu sian vivon al la literaturo aŭ al la tekniko. Tiutempe li entuziasmis pro Shelley kaj eĉ skribis poemojn anglalingvajn en la stilo de la angla poeto-mistikulo. Tiun sekretan amrilaton kun la Muzo li daŭrigis ĝis sia trideka jaro proksimume, sed la fruktojn de ĉi tiu rilato poste li neniigis. Por tio havis eble decidan influon lia malfeliĉa amo al knabino, kiu lin iomtempe kuraĝigis, sed poste subite edziniĝis al alia viro. Nobel neniam plu resaniĝis el ĉi tiu trompiĝo kaj restis ĝis sia morto mizantropa maljuna fraŭlo.

Pri siaj verkoj Nobel mem diris, ke li estis en ili »superidealisto«, tia el la speco de Rydberg, sed sen la talento de ĉi lasta.

Li verkis ankaŭ romanon svedlingvan (La Fratinoj), kiu tamen, laŭ la tiutempaj kritikoj unuanimaj, estis tre malforta ĉarpentaĵo. Li tute ne zorgis pri la karakterizo de la figuroj, lin interesis nur la ideoj, kiujn li volis en ili personigi. Liaj dialogoj estas lignosonaj kaj enuigaj.

Ĉi tiun romanon li skribis en sia 29-a jaro. Poste — li estis alimaniere okupita. Nur post pli ol 30 jaroj li revenis denove al la literaturo: en 1895, kiam li skribis sian faman testamenton, li klopodadis pri dramo, titolita »Nemezo«. Kaj en la jaro de sia morto (1896), eble por forreagi tiujn multajn malagrablajn spertojn, kiujn en siaj patentprocesoj li faris pri la ĉiulandaj juĝistoj kaj advokatoj, li verŝis sian koleron en satiran komedion, kiun li verkis angle kaj eldonis en Parizo. Sed lia familio, tuj post lia morto, dismueligis ĉiujn ekzemplerojn de ĉi tiu interesa — se eble eĉ ne literaturnivela — verko kaj nun ekzistas jam nur tri ekzempleroj el ĝi, en sekuraj kaj nealireblaj manoj.

Decidan influon havis al la maturaĝa Nobel lia interkonatiĝo kun barono Suttner. Nome, li anoncis en Viena ĵurnalo serĉante plurlingvan nejunan sinjorinon parte kiel sekretariinon parte kiel mastrumestrinon. Sin anoncis baronino Berta Kinsky, kaj ŝi jam preskaŭ okupis la postenon, kiam barono Suttner pri ŝi svatis kaj ŝin edziniĝis; tiel ŝi ne povis akcepti tiun laborsferon. Sed ŝia amikeco kun Nobel restis vigla ankaŭ plue, precipe, kiam aperis ŝia romano »For la batalilojn« (legebla ankaŭ en Esperanto). Ĉi tiu pacifista romano instigis Alfredon Nobel por pli intense okupiĝi pri la pacmovado kaj por dediĉi unu el siaj kvin premioj al la kulto de ĉi tiu ideo. Poste lin influis ĉi-rilate ankaŭ alia homo, turka eksdiplomato bejo Aristarchi, kiu establis kaj gvidis iomtempe la pacfakon en la kontoro de Nobel. Tiam koncipiĝis en Nobel unuafoje la ideo de Popolligo, kiu diktu la mondpacon al la popoloj per armila forto.

La Nobel-premiojn oni disdonas ekde 1901. Tri jaroj estis ĝis nun senpremiaj, sed en tri jaroj oni premiis po du verkistoj, tiel do ĝis nun estas 32 verkistoj Nobel-premiitaj:

1901: Sully-Prudhomne (franco); 1902: Mommsen (germano); 1903: Björnson (norvego); 1904: Mistral (provencano) kaj Echegeray (hispano); 1905: Sienkiewicz (polo); 1906: Carducci (italo); 1907: Kipling (anglo); 1908: Eucken (germano); 1909: Lagerlöf (svedino); 1910: Heyse (germano); 1911: Maeterlinck (belgo); 1912: Hauptmann (germano); 1913: Tagore (hindo); 1915: Rolland (franco); 1916: Heidenstam (svedo); 1917: Gjollerup kaj Pontoppidan (danoj); 1919: Spitteler (sviso); 1920: Hamsun (norvego); 1921: France (franco); 1922: Benavente (hispano); 1923: Yeats (irlandano); 1924: Reymont (polo); 1926: Shaw (anglo); 1927: Deledda (italino); 1928: Bergson (franco) kaj Undset (norvegino); 1929: Thomas Mann (germano); 1930: Lewis Sinclair (usonano); 1931: Karlfeldt (svedo); 1932: Galsworthy (anglo).

Do ĝis nun ricevis la premion: 6 germanoj, 5 francoj, 3 angloj, 3 svedoj, 3 danoj, 2 norvegoj, 2 poloj, 2 hispanoj, 1 belgo, 1 irlandano, 1 usonano kaj 1 hindo. Inter ili tri virinoj (Lagerlöf, Deledda, Undset). Laŭ fakoj: 14 romanverkistoj, 9 poetoj, 6 dramverkistoj, 2 filozofoj kaj unu historiisto.

EUGENIU BOTEZ (JEAN BART) MORTIS. Dum miaj promenadoj tra la parizaj bulvardegoj mi ofte haltis apud gazeta kiosko. Antaŭ mi rampis aŭtomobilara serpentego senfina, kiun jen ĉekole, jen ĉevoste, jen meztrafe distranĉis la policista bastono. Magnete altiris min tiu centlingva gazetmozaiko: gazetkapoj amerikaj, rusaj, hispanaj, italaj, eĉ... francaj, elmetitaj reklamcele kaj aranĝitaj ruze, ke el la teksto vi ne povu legi eĉ vorteton senpage, sed nur post la aĉeto. Mi enspiris presparfumon de la vasta mondĝardeno. Freŝa odoro — la plej multaj ja alvenis samtage aervoje — sed ofte mensoge venena. Kun diversaj »aromoj« de la hejmaj naciteroj politike sterkitaj.

En bukureŝta gazeto funebra sciigo frapas miajn okulojn Eugeniu Botez, verkinta plej ofte sub la pseudonimo Jean Bart, mortis. Mutiĝis la kantvoĉa birdo de la naroj...

Li naskiĝis en 1874 en Burduĵeni (Rumanio). Filo de generalo. La amo al la maro tiras lin al marista kariero. Lia fariĝas komandoro. Membro de la Internacia Komisiono de l' Danubo.

Jam kiel deknaŭjara junulo li kunlaboras en... socialista revuo. Kiel venis socialistaj broŝuroj en la poŝon de la uniformo? Li mem klarigas en unu el siaj verkoj:

»En nia familia biblioteko mi trovis socialistajn verkojn de mia onklo studinta en Parizo...

Dum mia marista vivo mi estis ĵetita jen tien ĉi, jen tien... Antaŭ tridek jaroj mi estis havenestro en Sulina. En tiu miniatura Babela turo mi vidis la plej diversnaciajn laboristojn, kiuj helpis ĉe la enŝipigo de varoj. Ili laboris kiel ŝarĝbestoj ofte puŝitaj de siaj ĉefoj unu kontraŭ la aliaj. Kaj ili lasis sin melki kaj tondi de la samaj laborestroj senkoraj. Antaŭ miaj okuloj, ĉiutage oni krimis plej abomene, homo ekspluatis homon...«

Ni ne havas lokon en LM por represi tiun ĉi emocian aŭtobiografion. Sufiĉu mencii, ke tiu juna rumana oficiro ne nur ellaboris, sed ankaŭ sukcese aplikis racian planon pri labordivido antaŭ 30 jaroj. Pri la sama sistemo, kontraŭ la senlaboreco, diskutas *hodiaŭ* niaj turisme konferencantaj ekonomiistoj.

Al li, vagabondo de l' maroj, vidinta tiom da mizero kaj serĉinta ankaŭ mildigilon por la suferoj, dankas nia lando aron da orfejoj kaj internuleloj por vagabondaj infanoj. Kiel direktoro de la Socia Helpado en la Ministerio de la Laboro li fariĝis patro de senpatruloj, lerte organizante la antaŭajn malregulajn helpojn de bonstatuloj aŭ bonkoruloj. Multaj vaguletoj ricevis pere de li la ĉiutagan panon kaj ĉiunoktan dormejon.

Li ne estis »pogranda produktisto« en la literaturo. Li skribis nur kiam li vere havis skribotan, parolis pri nepre dirotaj ajoj. Majstra ĉizisto de paĝojuveloj.

En 1901 li presigis sian unuan maristan »Taglibron« —maristajn skizojn — inaŭgurinte novan genron en la ru-

# Reformprovo

**— August Strindberg —**

*(El la volumo »Edziĝoj.«)*

Ŝi vidis kun naŭzo kiel oni edukis la knabinojn por iĝi mastrumantinoj ĉe estontaj edzoj. Tial ŝi lernis profesion, kiu povu nutri ŝin dum ĉiuj cirkonstancoj de l' vivo. Ŝi povis fari florojn.

Li vidis kun doloro kiel la knabinoj sidadis kaj atendis, ke iliaj estontaj edzoj prizorgu ilin, li volis edziĝi kun libera, memstara virino, kiu povas mem nutri sin, jene li vidus en ŝi sian egalulon kaj havus porvivan kamaradon, sed ne mastrumantinon.

Kaj do ili renkontiĝis laŭ la volo de la sorto. Li estis pentristo, artisto, kaj ŝi, kiel dirite, faris florojn, kaj tiujn novajn ideojn ili ricevis en Parizo.

Estis eleganta geedziĝo. Ili luis tri ĉambrojn en Passy. La ateliero estis en la mezo; ĉambro de la edzo ĉe unu flanko kaj tiu de l' edzino ĉe la alia. Ili ne volis havi komunan liton; tian porkaĵon sen la plej eta simileco en la naturo kaj kiu nur donus okazon al eksceso kaj petolado. Kaj, pensu, senvestiĝi en la sama ĉambro, hu! Ne, ĉiu sian propran ĉambron; krome neŭtraligita komuna ĉambro, la laborejo. Nenia servisto; ĉar ili volis komune administri la kuirejon. Nur maljunulino, kiu venadis matene kaj vespere.

Bone kalkulite kaj ĝustege pripensite.

— Sed kiam vi ricevos infanon? — kontraŭdiris la dubemulo.

— Ni ne volas havi infanojn!

Bone! Ili do ne volis havi infanojn!

Estis rave! Li iris dum la matenoj al la foirplaco kaj aĉetis kune. Poste li preparis la kafon. Ŝi balais, aranĝis la litojn kaj ordigis. Poste ili eklaboris.

Kiam ili laciĝis, ili interbabilis iomete, donis konsileton unu al la alia, ridis kaj amuziĝis. Kiam proksimiĝis la tempo de l' tagmanĝo, li ekbruligis la fajron kaj ŝi lavis la legomojn. Li atentis pri la *pot-au-feu*, dume ŝi kuris malsupren en la spicejon; ŝi primetis la tablon kaj li surmetis la manĝaĵon.

Sed ili ne vivis kiel gefratoj. Vespere ili deziris bonan nokton kaj ĉiu iris en sian lokon. Sed poste aŭdiĝis frapetado sur la pordo de l' edzino kaj rekrio: envenu! Sed la lito estis malvasta kaj neniam okazis malordo, sed ĉiu vekiĝis matene en sia lito. Jen frapetado sur la muro.

— Bonan matenon, mia knabineto! Kiel vi fartas?

— Dankon, bone, kaj kiel fartas vi!

Ĉiam estis novece renkontiĝi dum la matenoj, kaj tio neniam malnoviĝis.

Dum la vesperoj ili eliris kelkfoje kune kaj jen renkontis samlandanojn en Syrach.

Estis ideala geedziĝo, opiniis la aliaj, kaj ili neniam vidis tiom feliĉan paron.

Sed la knabino havis gepatrojn, kiuj loĝis malproksime. Tiuj skribis kaj demandis senĉese, ĉu Lisen ankoraŭ ne havas esperon, ĉar ili sopiregis ricevi nepon. Lisen devus memori, ke la geedziĝo estas farita pro la infanoj kaj ne pro la gepatroj. Tio ĉi estis malmoderna opinio, pensis Lisen. Sed tiam panjo demandis, ĉu laŭ la novaj ideoj oni intencas ekstermi la homan genton. Lisen ne pensis pri tio, kaj tute ne deziris okupi sin pri tio. Ŝi estis feliĉa kaj ankaŭ ŝia edzo; nun fine la mondo vidis feliĉan geedziĝon, jen kial la mondo estis envia.

Sed al ili estis agrable. Neniu estis la sinjoro de l' alia kaj en la kason ili pagis sian parton. Unufoje li gajnis pli, alifoje ŝi, sed tio ja egaliĝis reciproke.

Kaj jen kiam ili havis naskiĝtagon! La edzino vekiĝis je tio, ke la *madame* envenis kun florbukedo kaj leterfolieto kun surpentritaj floroj, kaj ŝi povis legi: »Gratulojn al Sinjorino Florburĝono de ŝia farbŝmirulo kaj bonvenon al brila maten-imbiso en la ĉambro — nun tuj!« Jen frapeto sur la muro kaj la edzino surprenis sian matenjakon, jen frapeto sur la pordo de l' edzo kaj — envenu! Ili matenmanĝis sur la lito, sur lia lito, kaj la *madame* restis tie dum la tuta antaŭtagmezo. Estis rave!

Tio neniam malnoviĝis. Ĉar tio daŭris dum du jaroj. Ĉiu aŭguristo aŭguris erare. Tia devus estis la geedziĝo.

Sed okazis, ke la edzino malsaniĝis. Ŝi kredis, ke pro la tapetoj, sed li konjektis bakteriojn. Jes, sendube bakterioj!

Sed io estis en malordo. Ne estis kiel devus esti. Certe estis malvarmumo. Kaj la edzino ankaŭ tre grasiĝis. Ĉu ŝi estus ricevinta ian kreskaĵon, pri kiu oni legis tiom multe. Jes, sendube estis kreskaĵo. Tiam ŝi iris al doktoro. Hejmenveninte ŝi ploris. Efektive estis eta kreskaĵo, sed tiuspeca, kiu siatempe devus elveni al la taglumo kaj fariĝi floro kaj ankaŭ mem havi semojn!

La edzo ne ploris. Li opiniis, ke estas pompe, kaj la fripono foriris por fanfaroni en Syrach. Sed la edzino denove ploris. Kia povos nun esti ilia reciproka sinteno? Ŝi ne plu povos perlabori iom kaj ŝi devos manĝi lian panon. Ili devos dungi servistinon. Hu, tiuj servistinoj!

Ĉiu singardo, prudento, antaŭvidemo surrifiĝis je la neeviteblo.

Sed bopatrino skribis entuziasmajn gratulleterojn kaj ripetis fojon post fojo, ke la geedziĝo estas fondita de Dio pro la infanoj, la plezuro de l' gepatroj estas nur flankaĵo.

Hugo asertis, ke li neniam pensos pri tio, ke ŝi nenion perlaboras! Ĉu ŝi ne sufiĉe kontribuos al la hejmo per sia laboro por lia infano, ĉu ne ankaŭ tio valoros monon. Ĉu la mono ne estas nura laboro! Do ankaŭ ŝi ja pagas sian parton. Sed dumlonge ĝermadis en ŝi tio, ke ŝi devas manĝi lian panon, tamen kiam la etulo alvenis, ŝi forgesis ĉion. Ŝi restis lia edzino kaj kamarado kiel antaŭe, sed ŝi fariĝis krome la patrino de lia infano, kion li opiniis la plej bona el ĉio.

El la sveda: *Tiberio Morariu.*

---

mana literaturo. Ĝi estis kvazaŭ himno dediĉita al la maro. Unu el tiuj kortuŝaj skizoj »La morto de l' piloto« represis ankaŭ Literatura Mondo en la malnova kolekto.

Liaj noveloj kolektitaj en la jaro 1908 en la volumo »Forgesitaj devoj« impresas kiel resuma romano, aŭ pli ĝuste kvazaŭ fragmento el socia romano, verkita kun matura pripenso kaj observo. Ĝi memorigas pri unuarangaj francaj romanverkistoj.

Sekvis »Post dudek jaroj« kaj »Kun rusoj en la Delto«.

Post la milito li aperigis »Princino Bibica«, denove maristaj skiroj kun elektitaj temoj kaj formitaj laŭ vere alte evoluinta gusto. Iom da tempo post »Notoj kaj rememoroj« li donis al ni »Trans la oceano« kun vojaĝbildoj el Ameriko kaj akr-okulaj fotokaptoj el la turmente pulsanta vivo en la nubskrapuloj. Ekstreme energia en la laboro, kelkajn semajnojn antaŭ sia morto, jam per unu piedo enpaŝinta la boaton de Ĥarono, li publikigis ĉian unuan, romanon kaj lastan verkon. »Europolis«. Impresa adiaŭa gesto. La impona tomboŝtono meritas

apartan recenzon.

Pere de s-o Fischer, prezidanto de la Rumana Esp. Soc. kaj intima amiko de l' forŝipinto, mi havis la agrablan okazon persone interkonatiĝi kun komandoro Botez. Alstatura, rektdorsa, kvazaŭ ŝipmasto. Arĝenta, riĉa hararo, kiu flirtis en la vento simile al pacoflago. Sube forte volbita frunto, alta kiel komandoponto. Densaj brovoj serioze arkis liajn okulojn. Lia rigardo radiis energion kaj bonvolon.

Li estis la enkorpiĝinta devizo. Laboru kaj helpu! Neniam li rifuzis peton pri rekomendo al la gravuloj de la publika vivo en Rumanio, kiam temis pri aranĝo de esperantaj parolado, kurso aŭ kongreso.

Nun li ne plu povas doni al ni sian helpan manon. La Masto rompiĝis. Mutiĝis la vagabonda birdo de l maroj... Kiam sur la frunto de la Rumana Akademio nigra flago funebras laŭritan membron kaj en la rumanaj havenoj ĉe la Danubo kaj ĉe la Nigra Maro la blu-flavruĝaj flagoj glitas malsupren sur la masto, ankaŭ la rumanaj esperantistoj profunde klinas la verdstelan standardon antaŭ la Amiko de l' vasthorizontaj maroj kun diverslandaj-nacirandaj bordoj, sed komunkoloraj, esperante-verdaj ondoj.

Sed mi preferus kredi, ke la gazetsciigo estas falsa...

*Tiberio Morariu*

## LA INTELEKTO-SERĈAJ AVENTUROJ DE BERNARD SHAW.

(X.) La nesuperebla kaj neimitebla G. B. S. antaŭjare konsternis la piajn biblio-legantojn per sia poezia libreto, en kiu li rakontis la dio-serĉajn aventurojn de negra knabino. Nun, la sepdekjara G. B. S. rakontas siajn proprajn aventurojn intelekto-serĉajn en la ĝangalo de la hodiaŭa ekonomia kaj politika mondo. La titolo estas: »*Politika frenezulejo en Ameriko kaj pli proksime*«.

Ni diru tuj, ke la intelekto-serĉaj aventuroj restas same senrezultaj, kiel la dioserĉaj aventuroj de l negra knabino. La diversajn korifeojn de la nuna politika kaj ekonomia vivo vice tradraŝas G. B. S.; la sola, kiun li mencias laŭde, estas la simpatia Montagu Norman, la direktoro de la Bank of England. Laŭ Shaw, li estas la sola el ĉiuj bankieroj de l' mondo, kiu sincere eksplikis sian starpunkton pri la monproblemo. Lia starpunkto tekstas: *mi ne komprenas*.

Hoover kaj Roosevelt estas same tradraŝataj. »La amerikanoj, en praktikema humoro, elektis Hoover, kaj terure trompiĝis pri li. Ĝuste en sentimentala humoro ili estis, kiam Franklin Roosevelt igis sin fotografi kun suĉifano: jen pro kio li venis propre en la Blankan Domon.« Sed — sen ŝerco — G. B. S. tamen iom ankoraŭ fidas je Roosevelt, ĉar ĉi tiu senreviĝis pri la memtrompo de la konstitucia regado. »La konstitucio estas regrimedo, kiu garantias, ke la homoj entute ne estu regataj.« Ĉar tion ili volas. Ĉiu meza homo (anglo, amerikano aŭ franco) estas anarkisto. »La amerika konstitucio estas la plej matura frukto de la jarcenta revolucia anarkismo. Kiaj fruktoj sekvos en la futuro, tion oni ne scias. Oni batalis kontraŭ la feŭdalaj baronoj, aŭtokrataj reĝoj, sanktaj papoj kaj multvoĉaj parlamentoj. Oni vice renversis la orditajn formojn de la socia regado kaj kunvivo, ĝis fine hodiaŭ en Ameriko regas etaj banditoj kaj egaj bankieroj. Roosevelt nun volas renversi ankaŭ tiun ĉi regadon, sed, kion li donos anstataŭe, tio estas demando de l' futuro.« Ameriko certe ricevis grandan lecionon. »La t. n. centprocenta amerikano, kiun tiom foje mi primokis, estas senmalica kaj bonvola infano apud la centprocentaj anglo, franco, hitlerano aŭ japana militaristo.« De Ameriko oni povas eble atendi, ke ĝi solvos por si mem la demandon per ia ovo de Kolumbo. La tuta mondo estas frenezulejo. La tuta mondo kuras en la pereon. Sed G. B. S. ĝin ne domaĝas. »Nuntempe ni havas pli kaj pli gravajn dubojn pri tio, ĉu vere ni estas la krono de l' Kreo. Niaj novaj historiaj konoj diras, ke ni erare imagis la Pasinton... Dank' al la esploroj de profesoro Flinders Petrie, ni scias, ke ekzistis pluraj civilizacioj, kiuj same evoluis kiel la nia, same ekkonis la kulminojn de l' arto, kapitalismo, demokracio kiel la nia — kaj ili ĉiuj pereis. Nun ni jam povas imagi, ke pereos ankaŭ la nia. Eble oni povus ĝi savi, sed tio ne estas tro grava.

Post ĉi tiu eta deflankiĝo G. B. S. turnas sin al sia favorata temo: al la kapitalismo.

Ĉiu konsilo, kiun financuloj donis de post la milito, estis malbona konsilo. Sola grandulo financa estas Montagu Norman, kiu konfesis, ke li ne komprenas la aferon. »La financistoj sopiras je pli bona bilanco, tio estas, ke la eksporto superu la importon. Jen io tute prudenta antaŭ tiuj, kiuj pensas en mono. Sed tiuj, kiuj pensaj en varoj, ĝin rigardas simpla frenezo. La eksterlanda komerco estas nenio alia ol interŝangado pere de mono. Kaj aserti, ke en interŝanĝ-komerco tiu gajnas, kiu pli multe donas kaj malpli multe ricevas, estas idiotaĵo.« Ktp.

Bonvolu pripensi, kaj juĝi, ĉu G. B. S. estas vere nur ĵonglisto de vortoj kaj konceptoj, nur klaŭno, aŭ unu el la plej klarvidaj kritikantoj de ĉi tiu freneza mondo.

---

(X.) LUIGI LUGIATO, itala psikiatro, sub la titolo »Frenezuloj, nervmalsanuloj kaj krimuloj en la verkoj de verkistoj« konatigis ĝis nun en kvar volumoj la eksterordinarajn figurojn el la verkoj de Shakespeare, Zola, Manzoni kaj D' Annunzio. Lia nova volumo pritraktas la figurojn de Dante (I personaggi della »Divina Commedia« visti da un alienista). La demando akriĝas kelkiom ankaŭ kontraŭ Dante mem, ĉar estas sciate, ke Lombroso, kiu ekzemple la poeton Leopardi konstatis paranoja, riskis ankaŭ pri Dante la opinion, ke li estis epilepsiulo. Ankaŭ Lugiato devas supozi certajn eksternormajn ecojn ĉe la plej granda itala poeto; li ne akceptas certajn akuzojn de kelkaj novaj Dante-biografoj, sed li sentas, ke la poeto estis vere skizoida kaj superemociebla individuo, ĉe kiu precipe okulfrape montriĝas trudkruelemo kaj venĝemo. Sed, kiel ankaŭ alia itala psikiatro Boschi, li tamen ne opinias, ke li estis epilepsiulo, sole »certa senkonscieco lin superregis ĉiufoje, kiam intensegaj kaj perfortaj sentimentoj lin superfortis.«

---

(X.) NOVA INTERPUNKCIO estas propanata de la hispanaj futuristoj al la madrida Akademio. Kiel sciate, en la hispana skribo oni metas la demand- kaj krisignojn ne nur ĉe la fino de la frazo, sed, renversitajn, ankaŭ ĉe ĝia komenco, por ke la laŭtleganto jam antaŭe sciu, kiel li akcentu la frazon. La futuristoj nun proponas, kiel novan interpunkcion, ankaŭ — rid- aŭ bonhumorsignon: duoncirklon, kies mezo mankas kaj la manko estas pli aŭ malpli granda, laŭ tio, ĉu ĝi signas rideton aŭ ridegon. Nu, konsiderante la nunan staton de la mondo, ni povas vere diri, ke ĉi tiu propono estas urĝe aktuala.

---

## Vortoj netroveblaj en la Plena Vortaro

*Apreci:* kompetente taksi la valoron de io; *bejo* (Boirac): turka ĉefoficiro; *bunta* (Christaller, Wüster): multkolora; *bupresto* (Boirac): speco de skarabo; *falto* (Zamenhof): vizaĝsulko; *ĝangalo* (Boirac): hinda praararbaro; *hasti* (Christaller): urĝiĝi, trorapidi; *imbiso:* plado da malvarmaj viand- kaj farĉaĵmanĝaĵoj diversaj; *iriza* (Kabe): ĉielark-nuanca; *jubili* (Christaller): ĝojkrii; *langvora* (Grosjean-Maupin): malstreĉita anime kaj korpe; *lanta:* malrapida; *paranojo:* mensmalsano karakterizata de eraraj ideoj fiksaj, halucinoj kaj iluzioj, memortrompiĝoj, eksternorme pliintensiĝinta observkapablo kaj unuflanka koncepto de l' observitaj fenomenoj, troa antaŭenstarigo de l' propra persono; *patrio:* patrujo; *plonĝi* (Fulcher-Long): salti en akvon; *skizoida:* skizofren-simila, t. e. montranta certajn signojn de persondisduiĝo; *tristu:* malgaja; *dura* (Gr.-M.): malmola *frondo:* verda branĉ(ar)o; *gapi:* rigardegi absorbite; *korodi:* vd. Pl. V. sub *mordi; magra:* malgrasa; *morna:* preme malhela; *torpori* (G.-M.) sensentiĝi.

